


# LA NOVA EPOKO

Literatur-Scienca Aldono al
SENNACIULO
oficiala organo de Sennacieca Asocio Tutmonda
Jaro IX/XIII
N-o 3 (99)
aperas dumonate
11. aŭgusto 1932

# LABORISTA MARŜO.

*U. P. Overbij.*

*TAGIĜAS nun, fratoj, en hel-orient',*
*Antaŭen en ĥor' el mizer'!*
*Mokiĝas konsolo de vi, laborant',*
*La rajto por vivi sur ter';*
*Kaj oni decidas pri nia vivsort':*
*Al Laboro aŭ Vivo aŭ Mort'!*

*La jugon miljaran sur nuko de ni,*
*Ni ĉiam portadis laŭ plan';*
*Sed estas ni multaj, do estu la kri':*
*Postul' pri sufiĉe da pan'!*
*Mizeron ni portis ĝis nun kun konkord':*
*Al Laboro aŭ Vivo aŭ Mort'!*

*Sklaveca anime k sklav' de Mizer'*
*Kreiĝas nov-generaci';*
*Homaron neniam ekvidis la ter',*
*Samkiel la nunan sur ĝi;*
*Ĉe peto pri pano forvelkas vivfort':*
*Al Laboro aŭ Vivo aŭ Mort'!*

*Fajrujo malvarma, la hejm' rifuĝej'*
*Por prem', interpuŝoj, sopir',*
*Nia ag' katenita en malliberej';*
*Renkontas nin nur maladmir'.*
*Kaj brulas fajrer' de l'malamo kun fort':*
*Al Laboro aŭ Vivo aŭ Mort'!*

*Riĉulojn satigas proleta labor';*
*Antaŭen sub bonpastra gvid'.*
*Ni iĝos sulfuro en lastjuĝa hor',*
*Se oferas ni ne sen avid'.*
*Pro pano ni agas por ul' de l'perfort'!*
*Al Laboro aŭ Vivo aŭ Mort'!*

*Jam krakas ligiloj de l'nuna soci',*
*Mortbaton al arkaikaĵ'!*
*Sed donu, amiko, la manon al mi,*
*Nun antaŭ la mort' pro malsat'!*
*Ni iĝu ŝirmil' kontraŭ fia la hord':*
*Al Laboro aŭ Vivo aŭ Mort'!*

Tradukis laŭ la dana originalo *H. Nilsen.*

*Laŭ konata melodio.*

En multaj lab. kantaroj troviĝas adapto (ne fidela traduko kiel ĉi-supra!) de la fama kanto sub la titolo: *Dana Socialista Marŝo.*

# SOCIALISMO K KULTURO

APTN SINKLER (UPTON SINCLAIR).



### Kio estas la Arto?

KIEL statos la kulturo en socialisma socio? Por tion respondi, ni devas demandi, kiel statas la kulturo en kapitalisma socio k kiel efikis sur la artojn la klasbatalo.

Mi klarigu komence, kion por mi signifas „la artoj": ne nur pentro, skulpto k ornamo, sed ĉiuj rimedoj, per kiuj la homoj image reprezentas la vivon — poezio, muziko, dramo, roman-verkoj, kinematografo aŭ iaj aliaj rimedoj, kiuj povas forporti vin el via propra medio k ŝajnigi, ke vi partoprenas alies vivadon. La arto estas ia reprezentado de la vivo, transformita de la imago k portanta al vi ion novan pri la vivo, ian pli altan konstaton pri ĝi, ian novan komprenon aŭ pli klaran vizion.

La ordinara ideo pri la arto estas, ke ĝi emas reprodukti la vivon ekzakte — ekz. kiel pentraĵo pri fiŝo, tiom vivsimila, ke vi ne povas ĝin distingi de l' realo. Sed tio estas malalta speco de arto. Se tio estus la nura celo de l'artisto, la foto-kamero preskaŭ senigus lin de lia profesio, ja kolor-kamero tute elfinus lian aferon.

Sed la vivo estas io konstante plivastiĝanta k kreskanta. Ĉiam ĝi produktas ion novan k ĝiaj procezoj k celoj estas plenaj de senĉesa mistero. Ni havas senton de angoro ĉe ĝi; senton de devo al ĝi, kiun ni tute ne komprenas; senton de ĝojo, kiam ni sukcesas fari, kion ia spirita premo konstante instigas al ni fari. Kaj ne estas limo ĉe tiuj sentoj. Kiom ajn intense ni spertis ilin, restas ĉiam eblo por pli intensa sperto. La alta funkcio de l' arto estas pliigi ĉi tiujn sentojn, konduki ĉi tiujn novajn esplorantojn en la potencojn de nia estaĵo.

La arto estas rimedo por esplori la vivon k ankaŭ rimedo por eksperimenti pri ĝi. Ĉiu vivanto deziras trovi tiom da plezuro k eviti tiom da doloro kiom eble. Ĉio nova estas danĝera. Kiel ni povas eltrovi, ĉu ĝi estas nur tiom danĝera por esti ĝojinda, ĉu pli danĝera, tiom, ke ĝi nin detruos? La respondo estas, ke ni povas provi ĝin pere de la imago k formi ideon pri tio, kiel ĝi efikus sur nin, sen ke tio reale okazu.

Ni prenu konkretan ekzemplon. La homoj eltrovis, kion oni nomas naskmalhelpo. Bernardo Ŝa (Shaw) ĝin nomas: „la plej revolucia eltrovo de l' deknaŭa jarcento." Ĝi ebligis al homoj havi tute novan sintenon pri sekso; travivi tute diferencan seks-vivon. Sed tuj aperas la demando — kiel tio efikos sur la unuopulon, sur la socion? Diskutado pri ĉi tio tondras hodiaŭ tra ia tuta civilizita mondo. Vi konas la esprimojn: „libera amo", „kunula edziĝo", „facila eks-edziĝo", „seks-liberego", „ribelo de l' junularo". Pri ili milionoj da gehomoj pripensas k diskutas.

Ili eksperimentas. Multe eksperimentas vere, sed ili multe pli eksperimentas per la imago. Eldoniĝas miloj da romanoj pri la seksproblemo k milionoj da ekzempleroj distribuiĝas; k ĉiun fojon, kiam iu homo legas unu el tiuj verkoj, li faras eksperimenton per sia imago. Li lasas tiun specialan teorion aŭ ideon aŭ vidpunkton pri la vivo fermenti en sia personeco k pripensas ĝian efikon, ĉu por feliĉigi aŭ malfeliĉigi lin, pli saĝigi, pli malsaĝigi, ktp. Li provas la novan vivmanieron per la etikaj normoj, kiujn li jam havas, k ĉu li akceptas aŭ malakceptas la novan manieron, li iĝos morale k emocie diferenca pro la imaga sperto, kiun li trafis.

Per ĉi tio mi ne volas diri, ke la moderna romanisto diras: „Nu, mi verkos romanon favoran al ĉi tia aŭ kontraŭ tia libera amo. Povas esti, ke la romanisto havas nenian ajn konscian moralan celon. Eble li verkas, ĉar lia edzino sciigis, ke necesas nova aŭtomobilo k li deziras perlabori la koston. Sed, se li havas iel ajn senton pri la vivo, ian povon senti k pensi, li enmetas en la libro sian vidpunkton pri la vivo. Eble li estas t.n. „realisto", k faras sian eblon por sin kaŝi k malhelpi, ke oni sciu, kion li opinias pri la bono aŭ malbono priskribita; tamen, li sin malkovras per ĉiu linio k emas fari el la leganto tian homon, kia li estas.

Tion li faras ja per la elekto de temo. Lia cerbo pleniĝas per memoraĵoj. li elektas inter mil eblaj temoj, miliono da okazintaĵoj. Li diras al vi: „Mi opinias, ke noktaj kluboj estas logaj, brilaj k ekscitaj." Li diras: „Mi kredas, ke modulinoj kun apartamentoj en la Park-Avenuo k elegantaj vesper-roboj, kiuj trinkas eksterleĝajn likvorojn kun facila gracio, estas belegaj." Aŭ: „Ŝajnas, ke la simpla homo perlaboranta vivrimedon tiom honeste kiom eble, estas la vere interesa so-

ciano, plej inda je pripentro.“ Facile mi povus nomi romanistojn, kiuj diras ĉiun el tiuj aferoj; k ĉiu batalas por siaj ideoj — konscie aŭ ne, ĉiu serĉas eldonistojn, pretaj akcepti lian vidpunkton; poste legantojn, kiuj per aĉeto de liaj libroj ebligas al li vivi k daŭrigi la verkadon.

Mi ne scias ankaŭ, kiom da tempo pasis de kiam la vivaĵoj destinitaj por homeco, eksciis pri la avantaĝoj de kooperado. Se la temo vin interesas, vi devus preni bonegan libron de P. Kropotkin: „Interhelpo kiel Faktoro en la Evoluado.“ Kropotkin montras la kooperan vivadon antaŭlonge ĉe la birdoj k insektoj, ke estaĵoj vivantaj socie iĝis senlime pli multnombraj k tial pli sukceshavaj, ol tiuj izoliĝantaj k egoistaj.

Kiam niaj prauloj svingiĝis pervoste ĉe la arbopintoj, ili reciproke helpis ŝirmi sin kontraŭ la glavdenta tigro. Kiam ĝi aŭ alia malamiko aperis, ili komencis kriegi k babili k ĉiuj kune pafis al ĝi. El tiaj komunaj spertoj kreskadis la ar-sento. Simpatio, kiel ni nun nomas ĝin — signifanta „kun-sento“, k ĉi tiu „kun-sento“ estas la bazo de l' arto.

Kio okazas al iu el ni, povas okazi al ĉiuj. Ankaŭ, kiam ni intencas ion fari, estas bone, ke la aliaj komprenu, por ke ili havu „kunsenton“ kun ni k helpu nin, se estas bezono; almenaŭ, ke ili nin ne detruu pro nia kuraĝo fari ion ne ankoraŭ faritan. Dum evoluas la homa spirito, k plilarĝiĝas la konscio, la simio en arbo iĝas iu Ŝiler (Schiller), verkanta „Odo al la Ĝojo“, aŭ iu Bethoven (Beethoven), ellaboranta ian „Naŭa Simfonio“.

Alivorte, la celo de l' arto estas komuniki nian senton pri vivoĝojo al niaj kunuloj — tiom, kiom eble. Ĝi estas disvolviĝo k sublimiĝo de la diversaj grupaj emocioj — triba sento, kiu iĝas patriotismo aŭ amo al sia lando, poste homaranismo aŭ amo al la homaro. Ĝi estas gepatra sento, la deziro protekti niajn senhelpajn idojn, disvolviĝanta ĝis deziro zorgi ĉiujn infanojn ankoraŭ ne naskitajn k al ili doni la feliĉon, scion k konon, kiuj benas niajn proprajn vivojn. Ĝi estas la amo sentata por nia kunulo en la seksa ĉirkaŭpremo, vastiĝanta en simpation al ĉiuj geamantoj en la mondo. Vi povas traduki vian senton pri devo en respekton al Dio, aŭ vi povas rezervi ĝin por tio, kion nomas Sŭinb'n (Swinburne) „la sankta spirito de l' homo“; sed iaokaze vi volas fari penegojn de korpo k menso, por komprenigi al viaj kunuloj tian altigan k gloran senton pri la gravo k valoro de l' vivo k ties rajto kreskadi, ne malhelpate de subpremantoj k detruantoj.

Devus esti klara per ĉio tio, ke la arto, kiel komprenata de mi, estas io regala, homeca k nobla. Do, vi komprenus, ke mi kontraŭbatalas ian koncepton, kiu limigas aŭ perfidas ĝin. Precize kiel mi malamegas bigoton aŭ tiranon, kiu diras al la individuo: „Al vi ne estas permesate vivi por via propra feliĉo k la plej alta disvolvo de viaj kapabloj,“ tiel mi malamegas la kritikiston aŭ art-teoriiston, kiu diras, ke la arto estas io rezervita por grupeto el privilegiitaj, alte kulturitaj personoj. Mi malamegas ĉiujn tiujn grupaĉojn k skolojn el fantaziaj artistoj, kiuj uzas la arton kiel rimedon por pligrandigi sian propran gravon k faras verkojn kompreneblajn de malmulto.

Ankaŭ mi malamegas tiujn teoriistojn, kiuj sciigas al ni, ke la celo de l' arto estas nur reprezenti realon, neatentante la fakton, ke la vivo estas procezo de l' kreado, same kiel arto estas procezo de l' kreado k, ke ni estas la kreantoj tiel de l' arto kiel de l'vivo, ke ni kapablas fari novan vivon per la procezo fari novajn bildojn pri la vivo en artverkoj. Mi ne intencas diri, ke la artisto, pere de verkoj, povas efiki konkrete sur

# PARTIZANOJ[1]

PETRO ĈIĤAĈOV.


R. Bartelmes.

*La vojo deklivis al la*
*krutvalfund',*
*Molsonis la hufoj dumsalte;*
*Kaj tra la abioj taŭzaj la*
*sun'*
*Al supro tragrimpis senhalte.*
*Komencis densiĝi nebulo*
*de l'ter',*
*La vento pluvporta tranĉis;*
*Kaj la partizano ĝis la*
*vesper'*
*Freneze tra l'spac' sin elanĉis[2].*

*Silento gluiĝis pro frost' al neĝdun',*
*Blankiĝis vilĉapo kozaka.*
*Kaj longe la viro, sekvata de lun',*
*Rompadis silenton kun krako.*

*Similis la nokto al karusel'.*
*Rajdanto galopas alarme,*
*Kaj pli ol la koron li gardas sub sel'*
*Ordonon de la komandarmo[3].*

*La nokto sin peze apogis al sel',*
*Ĉevalo, spiranta obtuze,*
*Rompante la spacon, antaŭen al cel'*
*Frapadis per hufoj sur gruzo.*

*Sed jen en silent' ekkrio de mir'*
*Ekflugis ĝis supraj branĉetoj,*
*Kaj apud la vojo aperis spalir'*
*Da kanoj de l'mort' — bajonetoj.*

*Kaj pli ol fajro varmegis l'aer',*
*Brulanta sekeg' en buŝo . . .*
*Envolvis nebul' eliĝinta el ter'*
*Ĉevalon per mola ektuŝo.*

*Ĉevalon karesis la man' sur tempi',*
*La viro stertoris averte:*
*„Se ili min murdos, — liveru sen mi*
*L'ordonon en verda koverto . . .*

*Sen trem' la rajdanto galopas al cel',*
*La pafojn evitas lerte,*
*Sed fine la kapon zumpikis abel'*
*Kaj haltis profunde sub verto.*

*La lipojn ektranĉis la brid' kvazaŭ ŝtal',*
*Ĝis tute ĝin lasis la mano . . .*
*Sen viro alkuris vundita ĉeval'*
*Lamante ĉe l'stab' partizana.*

*La nokton konfuzis nek movo nek son',*
*Nur strekis stelet' en l'aero.*
*En stab' trafumita legata ordon'*
*Susuris per glata papero.*

*Kaj poste aliris la estr' al ĉeval'*
*(Fleksiĝis sonore voĉsono),*
*Rigardis kun varm' al okula oval'*
*Kaj diris „mi dankas“ lakone . . .*

Tradukis el la rusa lingvo Igorj Miŝin.

*Rim. de l'trad.:* La versaĵo spegulas epizodon el la rusa civil-milito (1918—1920). La ritmo iam estas lama, sed tio ĝustas laŭ la originalo.

[1] Bandano, ano de neregula trupo, civil-batalanto.
[2] Sin ekĵetis antaŭen.
[3] Komandanto de armeo (mallongigite laŭ moderna ruslingva maniero).

la homan socion — kiel la *Marsejezo* helpis terenĵeti la francan monarkion, aŭ kiel la „Ĝangalo“ (The Jungle) helpis purigi la best-tenejojn de Ĉikago. Mi volas diri, ke grandaj artistoj kreis homan karakteron, kiu ne antaŭe ekzistis, ke centoj da milionoj da homoj enamiĝis pri tiu karaktero k komencas imiti ĝin, tiel farante novajn formojn de realo. Tiel Ŝekspir (Shakespeare) helpis formi la regantklasan anglon, kun efiko, ke li estas pli bonkora k larĝmensa ol la besto, kiu li estus aliokaze. Tiel Cervantes helpis al tio, ke la moderna hispano estas malpli viktimo de l'idiotaĵoj de la superstiĉo; tiel Moljer (Molière) heredigis al la moderna franco senton pri vido k realo.

Arto de Reganta Klaso.

Ĝis nun en la homara historio ĉiam estis mastroj k servantoj. Hodiaŭ ni havas ege kompleksan socion, regatan de privilegiita klaso. Ni povas malantaŭen studi la evoluon de ĉi tiu reganta grupo. Ni povas vidi, kiel, de tempo al tempo, novaj elementoj akiris riĉon k povon, alprenis regadon. Ni socialistoj havas tre difinitan teorion pri tio, kion ni nomas la „klasbatalo“ k ni agnoskas la sciencan bazon de analizo super ekonomiaj fortoj. Ni ekzamenis la regantajn klasojn de ĉiuj el la variaj epokoj de l' historio k montris, kio estis la bazo de iliaj riĉo k estreco k ilia rolo en la formado de homa kulturo.

*Ĉiu ajn reganta klaso ĉiam celis k ĉiam celos pluigi sian povon.* Ĝia defend-rimedo estos ne nur ŝtalo k pulvo, sed ankaŭ la pli facila rimedo: influi sur la *mensojn* de siaj malamikoj, ilin persvadi, ke ĝia regado estas la plej bona k kontraŭo al ĝi perfido al la ŝtato k blasfemo kontraŭ la dioj. Ĝi starigas tutan idealaron, pion, patriotismon, lojalon, hejmemon ktp.

Ĝi ne nur argumentas k senkaŝe propagandas; ĝi estas pli subtila k uzas la multe pli potencajn armilojn de l' arto. Ĝi sin prezentas kiel idealistan k gloran figuron k pagas al homoj altajn premiojn, por ke ili uzu sian imagpovon tiucele; k tiuj iĝas la grandaj kreaj artistoj de sia epoko, la „klasikuloj“ post la morto.

Sed ne ĉio el la povo de genio estas aĉetebla de la reganta klaso. Naskiĝas kelkaj homoj kun imagpovo inter la subprementaj klasoj k ĉi tiuj suferas k malkvietas pro la maljustaĵoj faritaj al ili; ili ribelas k iĝas la verkistoj, la poetoj, la pentristoj, skulptistoj k muzikistoj de batalo. Ili estas ĉiel subpremindaj de la reganta klaso k trovas ne rekonon nek subtenon k la plimulto el ili pereas en junaĝo aŭ ili estas kvietigataj per malsato. Kelkaj el la plej obstinaj postvivas, tamen, k tiel ni havas ian ribel-arton, ampleksiĝanta k pli-efektiviĝanta kiel protesto kontraŭ klas-superregon tra la tuta mondo.

Mi havas libron: „Mamonarto“[1], en kiu mi faris detalan studon pri ĉi tiu klasbatalo en la arto. Mi rigardas la klasbatalon kiel ion universalan tra la historio, ion neeviteblan. Ĉu vi tion scias, aŭ ne, vi estas profitanto de klasprivilegio aŭ viktimo k vi ne povas produkti nek gluti artverkojn sen partopreno en la klasbatalo. Eble vi estas simplulo, kiu ŝatas legi beletajn amrakontojn k ne partopreni la severajn realojn de l' mondo, sed kiam vi aĉetas libron plenan je tiaj rakontoj, vi kontribuas al subteno al tio, kio malatentigas la laboristojn pri iliaj malfeliĉoj k forĝas pli streĉe la ĉenojn de l' salajr-sklaveco ĉe ili.

Aŭ eble vi instruas grekan k latinan lingvojn. Vi instigas al la lernantoj ami la antikvajn klasikaĵojn k vi opinias, ke tio estas nobla k homeca tasko k vin apartigas de la bruo k interbatalo de ĉi tiu malbela, moderna mondo. Vi ne konstatas, ke la greka mondo estis foje la moderna k tiom plena je interbatalo k bruo kiom la nia. Vi povas kompreni plene la grekajn klasikaĵojn nur, kiam vi rigardas ilin rilate al la klasbatalo nun okazanta. Estas neniom da vulgara, krima aŭ malorda en la hodiaŭa Usono, kion oni ne povus parigi en la klasika Grekio k, ne konstatante tion, ni povas kompreni nek la grekan nek nian arton.

La grekoj, turmentitaj de militoj k pestoj, de civilaj bataloj, de korupto k ĵaluzo inter la regantoj, faris precize, kion ni nun faras; ili postrigardis la praulojn, kiujn ili imagis esti pli grandaj, saĝaj k noblaj. Tiel ili dungis siajn artistojn por verki k glorigi tiujn antikvulojn; ili ĝue tion faris, kiel ni faras hodiaŭ glorstatutojn pri Georgo Vaŝington (Washington) k Abrahamo Linkoln (Lincoln), k fortenas de la lernolibroj ĉion pri ili, kio al ni sajnas neinda k neglora. Same ni havas la poemojn de Homero k Hesiodo, k la solenajn tragediojn de Eŝilo k Sofoklo.

Sed alvenis alia poeto, nome Eŭripido, kiu malŝatis la hipokriton de pio k patriotismo k prezentis la antikvajn diojn k heroojn kiel realajn homojn kun samaj malfortoj k sopiroj kiel niaj. Ĉe tio la regantoj de Ateno koleris; k alvenis komedia poeto, kiu ekprenis kvazaŭ al la kolo Eŭripidon, k lin skuis ĝis liaj dentoj klakis. Vi ne povas kompreni ĉi tiun komedi-poeton Aristofano, sen konstato, ke li estis enkarniĝo de la konservativa idealo, precize kiel ekzistas inter 100%-usonanoj hodiaŭaj, kiuj ekfuriozas pri ia sugesto pri ŝanĝo al ia flanko de la socio.

Ĉu Eŭripido sugestis la eblon de virina voĉdonado aŭ de organiziĝo ĉe la virinoj por malhelpi militon? Tiam Aristofano trenis la poeton en inferon k batis lin per ĉiuj iloj haveblaj. Ĉu la demokrata Kleon kontraŭis aristokratan aroganton? Tiam Aristofano nomis lin „baleno, kiu estras drinkejon kun voĉo kiel brulanta porko.“ Ĉu Sokrato kuraĝis sugesti, ke junuloj pensu memstare pri la tiamaj religiaj superstiĉoj? Nu, Aristofano lin bildigis sidanta en pendanta korbo antaŭ la domo k aganta absurde kun siaj lernantoj. Oni povas vidi precize la samspecan desegnon, helpe al reakcio, en iu ekzemplero de „Sabatvespera Gazeto“ *(Saturday Evening Post).*

Ni konsideru Ŝekspiron (Shakespeare), rekonata kiel la plej granda poeto de l' mondo. Li vivis, kiam la anglaj regantaj klasoj supervenkis la katolikismon, reprezentitan de l' hispana despotismo, k sendis siajn maristojn k komercantojn en ĉiun parton de la terglobo. Protestanta Anglio estis juna, aventurema k vivoplena. Ŝekspir, subtenante per sia voĉo ĉi tiun regantan klason, estis, laŭ sia epoko, kuraĝa, libera animo. Li kredis je simpla saĝo, je feliĉo kontraste al superstiĉo, k li malamegis kruelon k tiranecon; sed li tenis ĉiujn klaslimigojn de la angla aristokrataro, kiun li servis k kies favoron k amikecon li estis akirinta. Liaj geheroo j ĉiuj apartenas la nobelaron aŭ la terposedantojn. Kiam li bezonis komikan ŝanĝon, li montras anon de la malaltaj tavoloj, kiu arogas al si rajton pensi aŭ paroli kiel liaj superuloj.

En lia teatraĵo „La Reĝo Henriko la VI“, Ŝekspir pritraktas la ribelon de Ĝek Ked (Jack Cade), popularа movado kontraŭ la suferojn de la ekspluatatoj, en tempo kiam la grafoj k dukoj interbatalis pro la potenco. “Estu kuraĝaj, do“, ekkrias Ked, „ĉar via kapitano estas kuraĝa k promesas plibonigojn. Estos vendataj en Anglio sep duon-pencaj bulkoj por unu penco, la tri-ringumita pokalo havos dek ringojn k mi

[1] La esperanta traduko aperos post nelonge ĉe SAT. — *Red.*

faros krimon el tio trinki malfortan bieron." Kaj kiam Ked akiras la potencon, li klopodas esti nobelo k denuncas iun lordon, ĉar tiu lasta starigis liceon: „Oni pruvos al vi palpeble, ke ĉirkaŭas vin homoj, kiuj kutimas paroli pri substantivo k verbo k tiaj abomenaj vortoj ne tolereblaj de kristano."

Tiel la sinjora poeto de Anglio klopodas ridindigi laboristan ribelanton. Li estus povinta trovi siajn komikaĵojn per ridindigo al nobeloj, sed tiaokaze liaj teatraĵoj ne estus luditaj k li ne estus la favorito de moda grafo, k eble neniam ni estus aŭdintaj pri li.

Ribel-arto.

Ni atentu, aliflanke, kelkajn el la grandaj poetoj, kiuj partoprenis la ribelan movadon. Pensu pri Dante, la itala poeto pri morala indigno. Dante estis klerulo k estus povinta pasigi luksan vivon, sed li partoprenis la politikon de sia naskiĝ-urbo Florenco, ĉiam ĉe la respublikana flanko. Li estis pelata en ekzilon k tre suferis, sed neniam li ŝanĝis siajn konvinkojn k mortis en ekzilo. Kiam li komencis verki sian grandan poemon, la problemo pritraktota estis tiu de l' ekzilito: kiel povus esti, ke ĉiopova k justa Dio permesus, ke bona homo estu ekzilita, dum despotoj k krimuloj prosperas k regas urbojn? Kiel estu, ke Dio permesus al sia eklezio koruptiĝi k veneniĝi per avaro?

Dante furioze kontraŭis la siatempan eklezion. La papojn, iĝintaj regantoj super ŝtatoj, intrigantoj k armeestroj, li ĵetis en sian imagitan inferon; li igis aserti al Sankta Petro, ke ĉiu papo „faris el mia tombejo kloakon el sango k malpuro." Dante bildigis iun politikulon, kiu diboĉigis Florencon, kiel glaciumitan ĝiskole en glacibloko. Estus interese aŭdi la literaturan kritikiston, kiu subtenus la tezon, ke Dante ne estas poeto de propagando!

Aŭ turnu vin al Milton, ĝenerale konsiderata kiel duavica post Ŝekspir inter anglaj poetoj. Milton pasie amis la liberon k propagandis plej obstine k akre. Kiam iĝis en Anglio la puritana revolucio, li deĵoris kiel alilanda sekretario, k komprenu, ke tiu revolucio, antaŭ preskaŭ tri jarcentoj, estis konsiderata kiel io tiom malinda k venena kiel hodiaŭ la bolŝevika estas konsiderata de la kapitalista klaso.

Ĝon (John) tiom laboregis por ĉi tiu movado, ke li sin blindigis. Li verkis du broŝurojn, unu favore al parollibero, la alia al eksedziĝo, ambaŭ vivoplenaj k utilaj nuntempe. Kaj kiam li sin preparis, malriĉa, blinda maljunulo, por doni sian lastan eldiron al la mondo, li sciigis sian propagandan celon jam en la unua paragrafo: „Por pravigi la rimedojn de Dio al la homo." Kiam tion li elfinis, li verkis vers-dramon pri Samson k tie ni trovas, ke Milton sin identigis kun la

## Pastroj, pastroj estas ĉie, ĉie en la tuta mond'!

Orig. de J. Burger. — Mel. de Hans Leŭten.



*SINCERA Karlo — tridekjara*
*eksiĝis el la eklezi';*
*koleris li pri la pastrara*
*negoco per la religi'.*
*La pastroj kriis fanatike:*
*„Delogis la diablo lin!"*
*||: Ekzemplojn volis Karl' praktike*
*anstataŭ teori-doktrin'. :||*

*Eksiĝis Karl' kun kvardek jaroj*
*el Socialdemokrati';*
*li trovis vortojn, — mankas faroj*
*kaj emo al revoluci'.*
*Denove pastroj artifike:*
*„Koruptis rusaj rubloj lin!"*
*||: Ekzemplojn volis Karl' praktike*
*anstataŭ teori-doktrin'. :||*

*Laboris Karl' por idealo*
*dek jarojn en la Komparti';*
*protestis kontraŭ fratbatalo*
*en la proletaj vicoj li.*
*Kaj ree pastroj senlogike:*
*„Jen renegat'; — ataku lin!"*
*||: Ekzemplojn volis Karl' praktike*
*anstataŭ teori-doktrin'. :||*

*Jam multaj Karloj sur la tero*
*ne fidas plu al la predik',*
*se pastroj vivas sen ofero,*
*— sen em' al ago en praktik',*
*sed zorgas ĉefe pri salajro.*
*For — pastrojn — el proleta klas'!*
*||: Ekbrulas vera ribelfajro*
*nur el la mezo de l'amas'! :||*

blinda, hebrea giganto k ke la tragedio estas nur simbolo pri Ĝon Milton, bolŝevika alilanda sekretario, luktanta kontraŭ la mondpotencojn de papeco k monarkio.

Aŭ alrigardu Moljeron, brila junulo, denaska dram-k komendi-verkisto, kiu tuj kapablis venki en la kvarfaka rolo de aktoro, teatrestro, aŭtoro k kortegano. Sed li ruinigis sian sorton, ĉar li ne povis maski sian furiozon k indignon ĉe la vido al hipokrito k trompo ludantaj la rolon de Pio. Moljer verkis teatraĵojn, en kiuj li kontraŭas egoistajn pastrojn k aliajn pretendulojn. Ripete liaj verkoj estis malpermesataj ĉe la kortego k liaj malamikoj intrigis k turmentis lin. Sed neniam ĉesis lia kontraŭbatalo, ĝis, foruzita, li antaŭtempe mortis. La granda kortega kritikista opinio estis, ke tiu frua morto estas dia puno pro la verkado de „Tartuf" (Tartuffe).

Mi povus per la plej grandaj nomoj montri, kiel ĉi tiuj superuloj estis ĉiuj propagandistoj, ĉu ĉe la flanko de la regantoj, ĉu ĉe tiu de la ribelantoj. Siatempe oni rekonis ilin kiel propagandistojn k ili fieris pri tio k estus konsiderintaj malinde, fari verkaĵojn sen ia grava celo.

Sed forpasas la tempo k ŝanĝiĝas la ideoj de l'homoj k ne plue ni ekscitiĝas pri la temo de respublikismo kontraŭ oligarkion en mezepoka Florenco, nek pri katolikismo kontraŭ liberon en deksep-jarcenta Anglio aŭ Francio. Ni legas ĉi tiujn verkistojn pro la interesaĵo trovebla ĉe ili k la belo de la lingvo. Ili iĝas „klasikuloj" k estas studataj de spertuloj. Novaj kritiknormoj stariĝas k oni traktas ĉi tiujn homojn kiel „pure"-poetojn, sen atento al la celo, kiun ili provis atingi, sinteno, kiu estus tute ne komprenata de ili.

## La Klasbatalo en la Literaturo.

Ni prikonsideru la kapitalistan Usonon. Ni havas idearon pri Usono, al ni instruatan en la lernejo k kiun ni ensuĉas kun ĉiu spiro. Oni instruas, ke riĉo k la potenco donita de ĝi, estas ŝategindaj k ke homoj estriĝas, ĉar ili faras gravajn servojn por la socio. Niaj verkistoj produktas librojn, en kiuj oni montras ĉi tiujn sukcesplenajn personojn, disdonintaj grandioze sian monon. La verkistoj iĝas ankaŭ sukcesplenaj, sin ligas al la plutokrataro k rikoltas plian materialon por aliaj verkoj.

Niaj kritik-normoj estas starigitaj en Usono de posedantoj k eldonistoj de grandaj gazetoj k revuoj, kiuj elektas la recenzistojn, kiuj siavice laŭdas tiujn, kiuj subtenas la nunan socian sistemon. La ordinara persono neus la fakton, ke tia amaso da literaturo estas plutokrata propagando; estas simple bildo pri la vivo, kia ĝi estas, ili argumentus.

Sed nur leviĝu homo, kiu ridindigas k kontraŭas ĉi tiun memfidan literaturon de nia memfida riĉularo. Tuj ni nin trovas skuitaj k ĝenataj. Ni rezistas la ideojn trudatajn al ni, ni malamegas la verkiston, kiu volas ŝanĝi nian vidpunkton.

Oni vidu, ke estas klara psikologia kaŭzo pri tiuj aluditaj kritiknormoj. La artisto, kiu kontentas pri la mondo, estos populara k prospera. Unuvorte, li estos ĉe la literaturo tio, kio estas la perfekte vestita k bonmora sinjoro en la socia mondo.

Sed la ribel-poeto devas trabatali sian vojon. Preskaŭ certe li estas malriĉa, malsanema k eble li finiĝos en malliberejo aŭ frenezulejo. Tiel li servos kiel averta ekzemplo por ĉiuj respektindaj kritikistoj k kolegiaj profesoroj k nur post lia morto la kritikistoj lasos lin neatentata.

Okaze eĉ tiam ili tion ne faros. Unu el la plej amuzaj ekzemploj pri la klasbatalo en la literaturo estas la batalo kontraŭ Ruson (Rousseau) de sendube respektinda kolegia profesoro ĉe Harvard-Universitato, Irving Babit (Babbitt), kiu dediĉas sian vivon por skribi unu volumegon post alia, por elkovri la malbonon de „Ruso k Romantikismo". Helpe de alia kritika spertulo, Paŭlo Elmer Mor (More), profesoro Babit starigis novan literaturan movadon, „Homaremo", por forigi la influon de Ruso.

Kial Harvarda profesoro konsiderus sufiĉe grava eltiri el la tombo la ostojn de malriĉa lakeo k vagulo k ilin publike bruligi ĉiun semajnon en la Harvarda „Korto"? La respondo estas, ĉar la revolucio, kies inspiranto estiĝis Ruso, nur parte plenumis sian laboron. Ruso, per sia furiozo kontraŭ tiraneco, sia tondro kontraŭ la limigoj k tabuoj, kiujn trudis al la homo monarkismo k katolikismo, helpis fari el la franca revolucio la ventegon, kia ĝi estis. Sed restas ankoraŭ gereĝoj en Eŭropo k hodiaŭ regas novspecaj monarkoj en kvin sesonoj el la civilizita mondo, la mastroj super mono k kredito.

Ĉi tiuj regantoj, per sia posedo de la lernejoj k preĝejoj, la teatro, kino k radio, instruas al ni, kion ni devus pensi k fari. Per sia avaro k ĵaluzo ili kondukis la homaron en la buĉejon, kia estis la mondmilito. Ili preparas jam aliajn militojn k la laboristoj el la mondo ribelas k prepariĝas por forviŝi la monomastrojn de la tero. La Harvarda profesoro antaŭvidas tion, kiel la Bostonaj riĉuloj, kiuj subvencias mone la universitaton k decidas pri la profesoroj elektotaj por instrui al iliaj filoj, kiel konservi siajn privilegiojn.

## Arto sub la Socialismo.

Kion povas atendi de la kreskanta proletara revolucio la artoj k ties praktikantoj? La respondo estas en la klasika formulo de Marks: „Vi havas nenion por perdi, krom viaj ĉenoj, vi havas mondon por gajni."

La arto ne estas afero de klasoj, sed de l'Homaro. La granda artisto ne estas estaĵo kun klasfiero aŭ klasavaro, sed varmkora, amema animo. Nur en senklasa, socialisma socio, granda k libera arto ebliĝos. Ŝeli (Shelley) diris, ke „poetoj estas la neagnoskataj leĝdonantoj de l'homaro."

Iam ni socialistoj asertis tiel, sed por subteni tion, ni havis nur la promesojn de socialistaj poetoj, kiel Vilhelmo Moris (Morris). Tamen la socia revolucio alvenis en Rusio k travivis dek du jarojn por montri siajn eblojn. Ekzistas nun en Rusio Ŝtata Eldonejo, ĉe kiu tradukiĝis k eldoniĝis milionope la verkoj de ĉiuj el la grandaj homaremaj k liberamaj verkistoj iamaj k nuntempaj.

La rusoj, spite la malhelpoj spertitaj tamen donis al la mondo novan kinematografan arton. Usonaj spertuloj, kiel Doglas Ferbenks, vidinte kio okazis tie, diras, ke kompare ni estas infanoj. La kaŭzo estas, ke usonaj bildoj kreiĝas por esti vendataj al tiom da personoj kiom eble, do estas sur la intelekta nivelo de dekdujara infano. Mi ne ŝercas dirante, ke en kelkaj bildfarejoj ekzistas la kutimo montri la rakontojn al dekdujaraj gelernantoj k elŝiri ĉion ne komprenatan aŭ ĝuatan de ili. Sed la rusoj faras bildojn por plenaĝuloj. Ajsenŝtajn (Eisenstein) tiel klarigas la diferencon: „Se ni rusoj faras bildon pri la Franca Revolucio, ni faras bildon pri la revolucio; dum vi faras bildon pri amo de knabo k knabino, kun la revolucio kiel fono."

En iu ajn civilizita lando vi trovos inter la klaskonscia laboristaro la saman intereson pri la arto, la saman penon homarecigi k maturigi ĝin. Miajn propraĵn teatraĵojn oni ne uzas ĉe la komerca teatraro en Usono, sed ili estas ludataj de la aŭstriaj fervojistoj, de la teksistoj en Anglio k de la socialistaj studentoj en Ŝanĥajo k Tokio. Fama Brodŭe-a teatresto rifuzante mian verkon, sciigis min: „Oni bezonas nur du aferojn nuntempe, krimon k seksan perforton." Alia 40-jara estro diris al mi: „La sukceso de teatraĵo en Usono estas determinata de sia unua nokto en Nov-Jorko, k la unuanoktaj vidantaroj konsistas el altepagataj virinoj k ties pagantoj, prostituinoj k ties ekspluatistoj, vet-ludistoj k kontrabandistoj."

Tia estas la kapitalista mondo, kontraŭ kiu ĉiu hommama k deca artisto en la mondo ribelas.

Estas la celo de l'socialista movado ebligi al ĉiu homo ĝui la heredaĵon de „la pleja bono sentita k pensita en la mondo."

El la angla lingvo iom resumite tradukis E. K. L.

# NORDLANDO

## De ADOLFO BACKMAN.



„Ekonomia krizo".
Akvarelo de Fr. Koĥan.

LA gastejo de sinjorino Mario Svanson (Svanson) ĉe Logan Ave estas hejmo por maldotitaj ekzistaĵoj. Ĉi tien ili venas el oriento k okcidento, tiuj senradikaj svedoj, kies feliĉa stelo malsupreniĝis de sur la ĉielo de l'okcidento. Unu tagon aŭ du, unu semajnon aŭ ĉirkaŭe, ili restas en la blanke kalkitaj ĉeloj de l'Nordlando, kie la prezo estas unu dolaro popersone k posemajne, se oni duope uzas ĉambron k liton. Estas strangaj tipoj k ekzistaĵoj en- k elirantaj tra tiuj pordoj. Arbohakistoj de l'Okcidenta Bordo, felĉasistoj el la sovaĝa nordo, malsukcesintaj metalministoj k orserĉistoj el la dezertoj de Ontario k Brita Kolumbio. Jen sidas Alaska-Petro febrotremante, 80 jarojn aĝa k senespera: unu el la malmultaj, kiujn la vivo ŝparis kiel timigantan simbolon por la vojoj de la aventuristoj nuntempaj. Li eĉ ne havas unu cendon, li estas senespere pereonta, sed morti li ne volas. Ĉi tie li sidas tagon post tago, tiel longe kiel li rajtas; kie li poste finiĝos, tio dependas de la sorto. Malvarme k indiferente moviĝas la vivo ĉirkaŭ li, sed ĉiuj konas lian historion. Li mem kulpas pri tio, Alaska-Petro, iam li ja tre bonstatis, sed pro diboĉado li mizeriĝis.

En la kuirejo staras Nels antaŭ la puriga benko. Li ankaŭ estas unu el la protektatoj de sinjorino Svanson. Nels nur estas 30-jara, sed li partoprenis la mondmiliton k tie li nervmalsaniĝis. Bajonetatako, obuso, amiko sen kapo, k Nels ricevis grizajn harojn k nervoskuon, kiu senkapabligis lin en la batalo pri la vivo. Nels naskiĝis en Ameriko k malbone parolas svede, sed en ĉiu kvina minuto li proklamas, ke li malamas la militon. La okuloj havas varmegan, malsanecan brilon, k la buŝo oblikve deformiĝis en la malgrasa vizaĝo. Li parolas pri la mondpereo k jam vidas la alvenon de la fino en daŭraj militoj k pligrandiĝanta senlaboreco k malriĉo. Ĉiutage kiam ni venas hejmen netrovinte laboron, li proklamas firmopinie: Vi pereos, knaboj, la tuta mondo pereos!

„Nordlando" plie estas kutimkunvenejo por aro da pentekostamikoj. Malgranda sekto da kredantaj fanatikuloj estrataj de la mastrino, k pluraj hipokrituloj sidiĝintaj ĉirkaŭ la tablo pro la manĝaĵo. Ĉar sinjorino Mario Svanson nutras siajn anojn senpage. Ŝi estas pala virineto en meza aĝo, kun febre brilantaj okuloj k en konstanta laboremo. Ŝia historio estas la historio pri fripona edzo, kiu lasis ŝin sola kun kvar infanoj en kabano en la sovaĝejo. Senvesta, mizera k elpelita, ŝi venis kun la infanoj al Vinipego, dum malvarmega tago vintra antaŭ kvin jaroj.

— Sed, laŭdata estu Dio, kiu trovis ŝin en la horo de mizero! Laŭdata estu Dio, kiu helpis ŝin tiutage, kiam ŝi staris sur la deklivo de la memmortigo, lia nomo estu laŭdata eterne! Kiel ŝi rekompencu lian grandan gracon k kompatemon, se ne per bonfaroj en ĉi tiu malbona mondo k helpado al ĉiuj mizeruloj, kiujn Dio sendis al ŝia pordo? Donado estas pli feliĉegiga ol prenado — ju pli mi donas, des pli mi ricevos!

Ĉi tio estis la proklamo de sinjorino Svanson. Kaj „Dio" vere kondukis la vojojn de la mizeruloj al ŝia pordo. Multaj forvojaĝis nepaginte eĉ unu cendon por manĝado k loĝado, aliaj pagis laŭpove, alia parto revenis k likvidis siajn ŝuldojn.

Baldaŭ estos somero-mezo. La lasta dolaro elspeziĝis por manĝaĵo, horloĝoj k ringoj vendiĝis al la judo. Laboro ne estas ricevebla. La grandaj kontoroj por laborperado estas sieĝitaj de senlaboruloj. Jen ili sidas centope sur benkoj k plankoj, jen ili premiĝas en la ŝtuparejoj k jen ili staradas sur la trotuaro. Kolekto da infere mallumaj tipoj el ĉiuj mondanguloj. La grandaj nigraj tabuloj, kie estu montrataj la alvenintaj ofertoj sur la sklavmerkato, lumas en la duonkrepusko kun siaj malplenaj surfacoj kiel pordoj al la infero. Post vitra vando sidas la oficisto. La vizaĝo estas kiel ŝtonĉizita, senmova, sensenta. Sfinkso el karno k sango, artisme evoluinta tipo por la fortega usona materialismo.

Ni premiĝas antaŭen ĝis la vitra vando. La sfinkso movas la lipojn: Nenio hodiaŭ, knaboj . . .

— Ankaŭ hodiaŭ nenio. Cetere, kiel oni esperu ricevi laboron ĉi tie? Unu rigardon ankoraŭ ni ĵetas sur niajn numerojn. Mia numero estas 975. Do, 974 senlaboruloj antaŭ mi estas dungendaj! Vi, kiu eniras ĉi tien, forlasu ĉian esperon, deklamas Delsbo. Ni malsupreniras tra Men-strato (Main Street). Varmega aero kovras la urbon. La termometro montras 103 gradojn laŭ Farenhejt. La riĉularo de Vinipego rapidas eksteren per ekstraj trajnoj k aŭtomobiloj al la malvarmetaj

bordoj de la Vinipeg-lago. La malriĉularo ŝteliras kiel katoj en la ombroj de butikaj markezoj. Iom post iom la suno malaperas ie en la vastega stepo k la mallumo nigra kiel fulgo kovras la teron. La blindiga, akra sunbrilego estas for, sed la varmego daŭras. Kiel nebulo ĝi kuŝas super la urbo, sufoka k odoranta kiel vaporo el bankuvo. Nels sidas sur la ŝtuparo al la ĉeloj en Nordlando.

— Vi pereos, knaboj, la tuta mondo pereos! Mi malamas la militon . . .

En la vestiblo kuŝas Alaska-Petro sur la nuda planko. Li tremegas, kvazaŭ li frostus ĝis la korinterno k la malpura barbo ne povas kaŝi la spasmajn ekmovojn de la vizaĝo. Sinjorino Mario Svanson havis vizion. Ŝi vidis Jesuon sur rifo meze de brueganta akvofalo. Ŝi klare aŭdis liajn vortojn: Venu al mi k vi konsoliĝos . . . Kaj Hilda, la 17-jara knabino el Harjedalen, ricevis la gracon k parolas pie! Gloron, laŭdon k dankon al Vi, ho Patro en la ĉielo!

Ni fermas la pordon de nia ĉambro por eviti aŭskulti la benadon de la societo en la salono. Estas sufoke kiel en vaporkaldronego. Ŝvitegante ni ĵetas nin tute nudaj sur la liton. Odoras je cimoj, k blatoj dancas tangon sur la plafono. Sento de angoro metiĝas kiel bloko sur la koron. Delsbo ĵetas sin tien k reen en la lito.

Eĉ unu oeron mi ne sendis hejmen, de kiam mi venis ĉi tien, li diras.

Mi sentis furiozan bezonon interbati, interdisputi, kvankam li estis mia plej bona amiko. Estas la malbenita bloko sur la brusto, kiu kaŭzas tion. Sed li silentas, ne diras eĉ unu vorton dum tuta horo. Poste li reparolas.

— Ĉi, li diras, ni leviĝos je la sepa horo k provos ĉe la tramvojo. Ni ja ricevis duonan promeson de la sveda ĉeflaboristo tie — se kelkaj finos, li volus dungi nin . . .

— Finos — ĉu vi kredas, ke la galicianoj finos labori?

— Ne, sed eble pro la varmega temperaturo hodiaŭ kelkaj ricevis sunfrapon!

Mi rigardis al Delsbo k enviis la homojn, kiuj ne legis pri Marius sur la ruinoj de Kartago.

*Elsvedigis V. Krej (5486).*

---

# LA SENLABORULO

*(Originale en esperanto verkita de H. Weinhengst).*



I.

*DO, maldungita, senlabora...*
*Mi estas ne plu bezonata ...*
*Jen, kiel ĉevalaĉon finserv-*
*intan*
*Sinjor' forigas el la stalo,*
*Ĉi tiel oni nun irigas min*
*El la fabriko.*

*Kvarfoje mi tralegis la ateston*
*Skribitan de l'fabrika direkcio,*
*Ĝis mi komprenis k konceptis ĝin:*
*„... Post dudekjaraj servoj kontentigaj ...*
*Pro manko de laboro*
*Ni estas devigataj lin maldungi.*
*Ni povas plene rekomendi lin.“*

*Dum dudek jaroj en ĉi tiuj ejoj*
*Mi elspezadis junon, fortojn . . .*
*Mi helpis krei, pligrandigi la profiton*
*Por la sinjoroj.*
*Ho, kiom da penado, ŝvito, k ĉikanoj*
*Signifas tiuj dudek jaroj!*
*Kaj nun mi estas simple forsendata*
*Kun la banala kompliment'.*

*Lastfoje do fabrikaj fajfilegoj*
*Hodiaŭ vokis min al la laboro!*
*Mi estos senlabora!*
*Sencele, senutile mi pasigos*
*La tagojn k semajnojn ekde nun.*
*Mi scias ke mi ne retrovos*
*Laboron en ĉi kriza tempo.*
*Mi rustos, konsumiĝos*
*Simile kiel forĵetita ilo.*

*En mia hejmo nestos la mizero*
*Kaj kreskos, kreskos! Mia familio*
*Jam nun suferas pro la manko*
*De tre necesaj vivrimedoj.*
*Edzino k filin' malsanas;*
*La kuracado kostas monon.*
*Ho, sep infanoj! Kaj nur du el ili*
*jam perlaboras iom; tre malmulte!*

*Mi jam ne rememoras pri la tempo*
*En kiu mi plorante verŝis larmojn;*
*Hodiaŭ iam-tiam larm' ruliĝas*
*Trans miajn vangojn.*
*Nur pene mi retenas la eksploron.*
*Kaj strange: Kiomfoje mi malbenis*
*Ĉi-budon kun maŝinoj sangosuĉaj,*
*Sed nun irante for el ĝi por ĉiam*
*Mi sentas nostalgian kordoloron!*

*Adiaŭ, kamaradoj k amikoj*
*Al kiuj min la solidaro ligas,*
*Ĉi bela plant' floranta en fabrikoj*
*Adiaŭ, vi maŝinoj sangosuĉaj,*
*vi ŝtalaj monstroj!*
*Vi estis pli al mi ol mi konsciis.*
*Adiaŭ haloj, ejoj forglutintaj*
*Junecon mian, adiaŭ do!*

II.

*KLOPODOJ vanaj, senrezultaj penoj!*
*La tutan urbon mi nun jam trakuris,*
*Mi estis en fabrikoj, magazenoj.*
*Eĉ en aliajn urbojn mi veturis.*
*Sed ĉio vana: Pri posten' libera*
*Kelkcent senlaboruloj tuj konkuris!*
*Laboron pezan por salajr' mizera*
*Plenumi pretas ĉiuj specialistoj.*
*Mi jam estiĝis tute senespera! —*
*En la gazetoj estas longaj listoj*
*De tiuj, kiuj pri laboro petas,*

*Sed nur mallongaj de labordonistoj.*
*Ĉu oni miru, se proletoj pretas*
*Salajrojn premi k eĉ rompi strikojn?*
*Arbitre la sinjora band' dekretas*
*Malfermi k refermi la fabrikojn,*
*Se temas pri altigo de l'profito.*
*Malsate la prolet' bruligas spikojn,*
*Detruas, kion li per sia ŝvito*
*Sterkante semis. — Mondo malprudenta!*
*Ho, kie restas do raci' k sprito,*
*Ke tiu frenezaĵo evidenta*
*Ankoraŭ povas daŭri? la maŝinoj*
*Jam rustas ĉie en ripoz' silenta,*
*Fabrikoj ruiniĝas k turbinoj,*
*Senfrukta restas la fekunda tero,*
*Trezoroj grandaj restas en la minoj*
*Dum laboremaj homoj en mizero*
*Dronadas k sopiras agi, krei!*
*Proletoj, ek el via malespero,*
*Ekagu jam anstataŭ plendi, vei!*
*Ekĉesu batalado interfrata!*
*Ĉi tiu mondo devas jam perei*
*Por ke pli justa estu konstruata!*

III.

*LA tagoj pasas, unu kiel la alia,*
*En griza monoton'.*
*Senlaboreco premas koron mian*
*Jam kiel peza ŝton'.*

*En noktaj sonĝoj la maŝinoj vokas*
*Sirene min al si.*
*Sed, se mi tiun vokon sekvas, ili mokas*
*Fuĝante antaŭ mi.*

*Matene, poste, la fabrikfajfiloj krias*
*Vokante al labor',*
*Kaj miaj kruroj forte konvulsias:*
*Al la deĵor', al la deĵor'!*

*En mia hejmo regas prema atmosfero:*
*Nervemo k ĉagren'.*
*Kaj min ekscitas ia bagatelafero*
*Jam en la frumaten'.*

*Laboron serĉi kun fervor' antaŭa*
*Nun ne plu emas mi.*
*Jam ne konsolas min pri pliboniĝ' baldaŭa*
*Agrabla iluzi'.*

*La tagoj pasas, unu kiel la alia,*
*Sen ĝoj- k lumradi'.*
*En mia cerb' fantomas pens' duonkonscia:*
*Labori volas mi!*

IV.

*MI ofte nun promenas tra la stratoj;*
*Infanojn vidas mi ĉe gaja lud'.*
*Mi kuŝas en sunbril' sur verdaj matoj*
*Kaj cerbumadas sen rezultkonklud'.*

*Mi preteriras ĉe fermitaj haloj,*
*En kiuj rustas jam la maŝinar'. —*
*De mia man' foriĝis ĉiuj kaloj;*
*Mi mallaboras jam dum pli ol jar'.*

*Animoj rustas pro senagaj manoj,*
*Dum la fabrikoj dormas en malbru'.*
*Avid-okulas la proletinfanoj*
*Tra elmontrejoj al la superflu'.*

*En domkortegoj kantas la mizero,*
*Ĝi almozpetas ĉe la stratangul';*
*Kaj ĉie petkriadoj pri monero.*
*Ĝenite preterkuras la riĉul'.*

*Polico zorgas pri la ord' publika,*
*Malsaton silentigas gumbaston'.*
*La ŝtat' disponas pri ilar' efika,*
*Por ke validu leĝo kaj ordon'.*

*En multaj hejmoj sidas fifantomoj:*
*Mizer', malsato, zorgo, malkontent'.*
*Kunvivo familia de la homoj*
*Estiĝas fonto de animturment'.*

*Disfalas nun edzeco k amligo*
*Rodate de ĉagreno k mizer'.*
*Terure plioftiĝis sinmortigo,*
*Elvojo lasta el la malesper'.*

*Nun ankaŭ min jam tiu vivo naŭzas,*
*La malesper' min premas ĉiam pli;*
*Suferojn frenezigajn al mi kaŭzas*
*La dekadenc' de mia famili'.*

*Edzino mia ĉiutage staras*
*En la lavej' kun ftizo k malsat'.*
*Filino mia amproponojn faras*
*Al riĉaj viroj nokte sur la strat'.*

*Du filoj estas ankaŭ senlaboraj*
*Kaj tri infanoj sidas en lernej'.*
*Dekjarulinon mi kun kor' dolora*
*Lasttempe akompanis al tombej'.*

*Intestoj miaj pro malpleno krias*
*Kaj ofte malklariĝas mia mens';*
*Sed kiom ajn mi ankaŭ fantazias,*
*Al mi ne venas ia sava pens'.*

*Se ne la amo k kompat' min ligus*
*Al mia malbonstata famili',*
*Mizeron mian mi per ŝnur' ĉesigus,*
*Trankvilon serĉus mi en la Neni'.*

## LITERATURA SEKCIO DE SAT

konstatas, ke en la prolet-esperantista literaturo mankas verko, kiu en formo de romano aŭ rakonto prezentus al la legantaro epizodojn, okazintaĵojn ĉerpitajn el la vivo k batalo de laboristaj esperantistoj. Sekve la sekcia estraro alvokas ĉiujn verkemulojn por tuja eklaboro.

Kondiĉoj estas jenaj:

1. La romano devas esti verkata nepre en medio socialista.
2. Ĝi neniel povas ampleksi pli ol 40 000 (kvardek mil) vortojn.
3. La manuskriptoj devas esti zorge pretigitaj, legeblaj, laŭeble maŝinskribitaj.
4. La limtempo por ensendo estas la 31. okt. 1932.
5. La verkojn prijuĝos la Literatura Sekcio de SAT k la verkinto de la plej bona manuskripto, post la apero de la verko, ricevos premie 25 ekzemplerojn.
6. Pri ĉiuj alsenditaj manuskriptoj disponas la eldonkooperativo de SAT.
7. La manuskriptoj estu sendataj al la Sekretario de la Literatura Sekcio de SAT, E. Baranyai, Dobozi-u. 25, *Budapest.* (Hung.)

# DUONA HOMO

DAVID MICMAĤER.



APUD la tablo sidas homo kun larĝaj sanaj ŝultroj k fortaj manoj. Lia longeta k diketa vizaĝo estas bele razita. La densaj blondaj haroj sur lia kapo estas glate kombitaj.

Li nomiĝas Karlo Ŝevĉik. Ĝis kvardek jaroj mankas al li ankoraŭ tutaj kvar jaroj. Kaj se li, Karlo Ŝevĉik, prenus seĝon k eksidiĝus apud la tablo kiel ĉiuj homoj . . .

Sed . . . kiam Karlo Ŝevĉik volas eksidiĝi apud la tablo, li antaŭe alŝovas ian kondukseĝon, konsistantan el tri masivaj ŝtupetoj. Poste li faras ion tre artifikan k lertan. Kiel kato li saltas de unu ŝtupeto al alia. Sur la plej supra ŝtupeto li jam restas sidanta.

Kaj tiele sidas homo apud la tablo. Kaj desub la tablo oni tute ne povas diveni, ke apud la tablo iu sidas. Sub la tablo vidiĝas nur kelkaj seĝoj k paro da ŝtupetoj de l'kondukseĝo de Karlo. Nenio plu. Sed apud la tablo tamen sidas homo, diketa k eleganta. Apud li kuŝas du malmole sternitaj kusenetoj, sur kiujn Karlo apogas siajn manojn, kiam li „iras" hejme aŭ surstrate.

* * *

Karlo Ŝevĉik estas militinvalido. Lia cigaredbudeto[1] staras apud la stacidomo. La budeto aspektas kiel malgranda dometo kun du klinaj tegmentetoj de ambaŭ flankoj. Tie troviĝas pordeto k fenestreto, tra kiu la tutan tagon elrigardas la bele razita vizaĝo k glate kombita kapo de Ŝevĉik.

Antaŭ dekses jaroj Ŝevĉik foriris en la militon. Oni lin sendis en unikan, speciale elektitan regimenton. Inter la elektitoj li tamen estis per duonkapo pli alta ol ĉiuj aliaj. Kaj nun li per sia kapo apenaŭ povas atingi la zonon de soldato. Kaj nur per granda streĉo, kiam li staras sur la pintfingroj de siaj manoj.

* * *

Sub la tablo estas malplene. Sed apud la tablo sidas nun li, Karlo Ŝevĉik. Tio okazas post lia tuttaga elrigardado tra la fenestreto de lia cigaredbudeto.

Iafoje li sidas tiel k tute ne memoras, ke li sidas ne sur seĝo, kiel ĉiuj homoj. Alifoje li legas gazeton k la tre interesajn novaĵojn legas laŭte, por ke lia fratino — kun kiu li loĝas k kiu priservas lin — ankaŭ aŭdu k ĝoju.

Nun la gazeto kuŝas metite flanken. La kubutoj de Karlo estas forte apogitaj sur la tablon. Lia blonda kapo kuŝas sur liaj manplatoj. Karlo pensas pri io, kio lastatempe okazis kun li k hodiaŭ ĝi denove ripetiĝis. Li volonte pensas pri ĝi. Dekojn da fojoj li vidas en la penso la trapason de tiu okazo. Li, Karlo, duona estaĵo, kiu kun kubutoj apogitaj sidas apud la tablo k sub la tablo estas malplene, kvazaŭ nun neniu sidus apud la tablo . . .

* * *

Lia fratino estas okupata en la ĉambrangulo ĉe la kuirejo. Ŝi lavas la vazojn k ordigas la ĉambron. Ŝi rememoras, ke de kiam Karlo venis, li eldiris entute nur kelkajn vortojn, tute ne laŭ sia kutimo. Sed ŝi lin ne demandas. Estas malfacile por ŝi elserĉi la kaŭzon. Ĉar kiam li fariĝas malserena k maltrankvila, li ĉiam parolas pri tio, kion ĉiuj havas, sed al li mankas. . . Do, estas malfacile por ŝi elserĉi la kaŭzon.

Krom tio, ŝi, lia fratino, havas ankaŭ proprajn grandajn zorgojn. Nu, kun la gasenkasisto. Li venadas al ŝi, la gasenkasisto, k parolas tiel bonajn dirojn, k ŝi kredas al li. Li volas edziĝi kun ŝi tute sen doto. Li ankaŭ konsentas preni Karlon al si. Li eĉ foje estis ĉi tie. Li venis por konatiĝi kun sia estonta bofrato, kun Karlo. Ŝi tiam rimarkis, ke Karlo la tutan tempon ne deturnis la avidajn okulojn de l'piedoj de la gasenkasisto. Kaj poste, kiam tiu foriris k ŝi volis scii, kion li, Karlo, opinias pri tio, li respondis:

— Kiajn belajn piedojn li havas. . . Nu, faru, kiel plaĉas al ci. Mi al li ne iros.

Kvazaŭ ŝi, la fratino, kulpus, ke la virinoj ne volas loĝi kun li. Tion ŝi pensas jam iom kolerete. La lasta edzino de Karlo — kiu vivis kun li dum unu monato — diris al ŝi malkaŝe:

— Oni povas lin ami. Li estas tre bona. Sed estas tiel malfacile. . . Ci volas edzon, homon k ĉirkaŭ ci sin turnas ia duonestaĵo. Aŭ li komencas rampi k grimpi sur ci tute kiel vermo. . . Tfu! . .

Tial ŝi tute lin ne demandas.

* * *

Ha, eble li rakontu al ŝi, al sia fratino, la tutan aferon? Eble li efektive demandu ŝin:

— Ha, Teklo? Kiel ci supozas? Ĉu valoras? Post tri fojoj provi ankoraŭfoje? Ŝi konas min nur tra la fenestreto de la cigaredbudeto. Ŝi certe ne opinias aliel, ol ke en la budeto sidas homo kiel ĉiuj homoj. Ha, Teklo, ĉu valoras?

[1] En Polio la militinvalidoj ricevas koncesiojn por cigaredvendado. Por tiu celo ili konstruas al si budetojn, kie ili konservas ĉiuspecajn cigaredojn k alumetojn. La tutan tagon ili sidas en ili k vendadas la cigaredojn al la preterpaŝantoj, tra la, por tiu celo konstruita, fenestreto. Tiaj budetoj troviĝas apud ĉiu stacidomo k ĉe ĉiu stratangulo. *Rimarko de la tradukinto.*

Sed li ne demandas. En lia menso tiu ĉi afero ĉiam ripetiĝas:

Oni tuj rimarkas, ke ŝi estas iom maljuniĝinta fraŭlino, kvankam ŝi ĉiel penas aspekti pli june. Sed en liaj okuloj ŝi estas tiel ĉarma, ke li, Karlo, entrepenus ŝin ĉiam karesi kiel infanon.

Tie ĉi, en la granda urbo, ŝi okupas registaran oficon. Ŝi loĝas en proksima vilaĝo, venadas ĉiumatene k forveturas hejmen ĉiun antaŭvesperon.

Se ŝi ĉiutage aĉetus ĉe li la cigaredojn, tute kiel centoj da aliaj preterpasantoj, tio lin, Karlon, tute ne komencus interesi.

Sed ŝi faras tion tute aliel, ol ĉiuj pasantoj. Ŝi salutas lin per ridetanta „bonan matenon". Kaj antaŭvespere, se eĉ ŝi ne aĉetas cigaredojn, ankaŭ preteriras ŝi lian budeton k ridetante adiaŭas lin.

Kaj jen antaŭnelonge, ŝi ekstaras ĉe lia budeto k komencas kun li longdaŭran babiladon. Karlo kelfoje rememorigas ŝin, ke baldaŭ denove foriris vagonaro k ŝi denove maltrafos ĝin. Si ridas k diras, ke estas malgrave k ŝin atendas nek edzo, nek amanto. Kaj rakontas al li, ke ŝi loĝas sola en domo, proksime de la stacidomo. Subite ŝi ekdemandas lin:

— Ĉu vi ne povus iam, en ia dimanĉo, viziti min?

Kaj dume ŝi denove maltrafis vagonaron k la babilado daŭras.

— Interese estas — ŝi diras ridante — kia invalido vi estas? Ĉar laŭ via aspekto, ŝajnas, ĉiuj invalidoj ne dezirus al si pli bonan staton.

Ĉe tio ŝi rigardis lin kun detenata amemo. Forirante ŝi etendis al li la manon k kun dolĉa tremo en sia karno reprenis ĝin de lia buŝo. Poste li tra la fenestreto de sia budeto rigardsekvis la kurantajn vagonojn, en unu el kiuj ŝi nun forveturis hejmen. Kaj kiam preterpasanto petis de li cigaredojn, Karlo donis tute alian specon. Kaj kiam tiu ripetis la ĝustan nomon de la speco, Karlo rekaptis la cigaredojn k denove donis el alia speco ol la postulita...

— Do, kiel ci supozas, Teklo? Ha? Ĉu valoras?

* * *

En la lito kuŝas homo. Li estas findorminta, finripozinta. Liaj okuloj estas malfermitaj k klaraj. La densaj blondaj haroj sur lia kapo estas distaŭzitaj. Li maldormas, sed liaj membroj ankoraŭ dormetas. Do li, la homo, havus grandan plezuron etendi siajn membrojn tiel, ke la artikoj eĉ kraku. Kaj se li, Karlo, jen tiel kuŝante en la lito, provus etendi siajn membrojn, kiel tion faras ĉiuj homoj...

Sed ... kiam Karlo volas plenigi la tutan grandon de la lito k etendiĝi, li metas en ĝi ian lignan ĉevronon. Nur tiam, apogite je la ĉevrono, li ekkaptas per la manoj la stangetojn de la litbreto k etendiĝas tute same ... kiel homo kuŝanta en la lito kiel li, Karlo, k apogas sin per la piedoj al la litmureto...

Poste Karlo demetas sin sur la plankon k vestiĝas. Hodiaŭ estas dimanĉo. La budeton li ne malfermos, ĉar li promesis hodiaŭ veni al ŝi.

Iam, antaŭlonge, Karlo en tia okazo purigadis tre atente siajn ŝuojn tiel, ke oni eĉ povis sin speguli en ili. Nun, li prenas la oleujon k verŝas oleon en la radetojn, alfiksitajn al lia sidtabuleto. Dume li memoras: ŝi, lia lasta edzino, tre ektimis, kiam li venis la unuan fojon al ŝi k antaŭ ŝia pordo liaj radetoj ekdisbruis kiel griloj...

* * *

Pro Karlo, ŝi hodiaŭ preparis tagmanĝon en sia domo.

La tablo estas kovrita per bonaj manĝaĵoj. Ŝi atendas Karlon k dume trarigardas malpacience ian gazeton.

Subite ŝi ektimigite ektremis per la tuta korpo. Iu frapas la pordon. Ŝi forĵetas la gazeton k fariĝas ĝoje atendanta: — Bonvolu eniri! Mi petas!

Neniu venas, sed oni denove frapas la pordon.

Ŝi jam mem kuras por malfermi. Sed .., malfermante la pordon, ŝi tuj rapide ekresaltas malantaŭen k kaptas sin per ambaŭ manoj ĉe la vizaĝo: — Ho, dio!

Kaj ŝi falas malfortiĝante sur seĝon k timas demeti la manojn de sia vizaĝo. Ŝi timas ĉirkaŭrigardi.

Karlo dume jam ekrampis sur la sofon. Li diras al ŝi bonajn parolojn, petas pardonon pro la kaŭzita malagrablaĵo. Iom post iom ŝi trankviliĝas k jam respondas. Sed la manoj ankoraŭ ŝirmas la vizaĝon. Ŝi ankoraŭ timas ĉirkaŭrigardi: — Se vi almenaŭ dirus al mi tion antaŭe. Almenaŭ iom de la vero!

Karlo ne respondas. Kun klaraj ekbrilantaj okuloj li rigardas ŝiajn altajn belajn piedojn k en lia menso akriĝas hakilo kun delikata k larĝa akraĵo...

*Eljudigis H. Bernstein.*

---

# BILDOJ, KIUJ VEKAS ZORGOJN...

Impresoj pri lastjuliaj manifestacioj en Dortmund (Germanio).

„Regna militista tago" en Dortmund, granda centro de l'Rur(Ruhr)-baseno. Marŝmuziko aŭdiĝas de ĉiuj direktoj, piede k aŭtomobile uniformitoj[1] alvenas, svarmas tra la urbo. Dum 2 tagoj. Estas junaj k maljunaj; ili portas ĉiuj pli malpli grandan kvanton da insignoj. Multaj aspektas kiel kamparanoj, sed ankaŭ urbanoj apartenas al la militista organizo. Ili eĉ penetras ĝis la laboristaj kvartaloj. Flagoj ornamas la domojn. Restoraciestroj afiŝe bonvenigas ilin, eĉ tiaj, kiuj alitempe vidas laboristan klientaron. Policistoj zorgas pri ordo dum tiuj du tagoj; diversaj stratoj por kelkaj horoj estas barataj por senĝene ebligi k fari impresa la trapasadon de l'manifestaciantoj.

Kion oni montris al la popolo? Oni prezentis homojn vestitajn per la diversaj uniformoj el pasintaj jarcentoj. En la granda „Vestfalia" halo salutparolis reprezentantoj de multaj militistemaj unuiĝoj, ankaŭ tiuj de la regna armeo. Dimanĉ-matene okazis diservo en la stadio, posttagmeze streĉgenua parado. La loko ne sufiĉis, ĉar ne venis nur „militistoj", sed ankaŭ multnombraj rigardantoj, el kiuj multaj devis foriri pro tropleno. Oratoro deklaris, ke dekmiloj da viroj kuniĝis por pruvi, ke ili estas pretaj batali por la libero, la kulturo, la germana raso, germanaj moroj, ktp. Rekantaĵo: „Per germana ecaro resaniĝos la mondo!"

Streĉgenue paradi dum la naskiĝotago de l'plej supera militestro, viziti preĝejon por anima edifo, bordelon por korpa kontentigo, sendi la idojn al altlernejo, por ke iam ili okupu ŝtatoficon (se la haringbutika profito tion permesas), jen la idealoj de tiuj etburĝoj, „respektindaj militistoj".

[1] Eks-soldatoj, nunaj civiluloj.

Kaj krome . . . la alkoholo. Malgraŭ ke Dortmund estas konata pro sia biertrinkado, malofte mi vidis en iu tago tiom da ebriuloj. Ke militismo k religio estas nedisigeblaj, estis pruvite per tio, ke kelkaj preĝejoj ankaŭ estis flagornamitaj.

Oni ankaŭ vidis malgrandajn afiŝojn kun la surskribo: „Dortmund estas k restas ruĝa!“ Sed ĉu ne estas strange, ke en laborista urbo, kiu laŭstatistike havas plej multajn senlaborulojn (post Breslaŭ), k kie la mizero sekve estas grandega, povas okazi tia „militista tago“? Kie restis la kontraŭagado laborista? La partio, kiu gluigis la malgrandajn afiŝojn pri la ruĝa Dortmundo, kolektis sian anaron en Essen . . . por ne perdi la permeson de manifestacio kontraŭfaŝista okazonta kelkajn tagojn poste kun samtempa porbalota propagando.

La 5. julio: Kontraŭfaŝista manifestacio; balotpropagando. 18 mil laboristoj tramarŝas la stratojn, kantas batalkantojn, portas ruĝajn standardojn, afiŝegojn kun diversaj surskriboj . . . Kiom ŝanĝita estas la urbo! Unu surskribo frapas min: „La batalanta unuecfronto signifas la morton de la kapitalismo!“ Ho, se estus vere tiel, estus bone! Bedaŭrinde nur malmultaj alipartianoj partoprenas. Alipartianoj havas proprajn balotlistojn, ili ne konsentas propagandi por la listo numero tria. Paroladis 6 K-doj antaŭ 30 mil aŭskultantoj, kiuj ĵuris daŭrigi la batalon ĝis forigo de l' kapitalismo.

La 10. julio la Fera Fronto marŝas, por pruvi, ke en Dortmund ankaŭ vivas alia tendenco, kiu celas forigi la faŝismon: 35 mil partoprenantoj en la manifestacio, respublikaj flagoj, ornamitaj per signo de „tri sagoj“, ankaŭ ruĝaj flagoj. Alvokoj al unueco laboristara sub la signo de l'socialdemokratio.

„La respublikanoj vekiĝas“, skribis la lokaj gazetoj, vidante tiun imponan manifestacion.

Ambaŭ amaskunvenoj havas saman kontraŭfaŝistan celon; tamen oni ne sukcesas efektivigi la unuecan fronton. Cetere, se tia unueca fronto estus starigita nur per kompromiso, ĝi ne multe valorus: ĝi devas baziĝi sur firma kunagado de la laboristaj amasoj. Ĝi ne devas rezigni je la spertoj el la revoluciaj jaroj k je la revolucio mem. La cedoj faritaj depost 1918 de burokrataro, transprenita de la monarkio, rezultigis la malon de tio, kion oni celis: oni ne forigis per tio la antaŭjuĝojn de grandbienuloj k industriistoj kontraŭ la respubliko (= popola ŝtato). La nova ŝtato ne efike servis al la laboranta popolo, ĉar ĝi ne forprenis de l'posedantoj ĝian propraĵon; male, ĝi malavare kompensopagis al forkurintaj princoj k reĝoj k subvenciis bankrotantajn financ-instituciojn. Kaj ankaŭ la eklezioj subtenadis tiu ŝtato.

Per promesoj oni ĉiam trankviligis la popolon, sed pli bonaj tagoj ne venis . . .

*Hilde Falkenherr (13 563).*

---

# VERKISTOJ K VERKOJ

**La vojo de Julio Bagi (Baghy).**

*„Printempo en la aŭtuno“ (Rakonto pri dolĉe melankolia renkonto).*

EMBA

Sur la kampo de la originala verkado, laŭ kvanto plej multe produktis J. Bagi. En nia malriĉa literaturo estas vere konsiderinda tiom da produkto. Ĝis nun aperis de li sep volumoj: 1. Preter la Vivo (poemaro); 2. Viktimoj (romano); 3. Pilgrimo (poemaro); 4. Dancu marionetoj (novelaro); 5. Migranta Plumo (antologio); 6. Hura! (romanego); 7. Printempo en la aŭtuno (rakonto).

La dua libro de Bagi „Viktimoj“ vekis sufiĉe grandan intereson ankaŭ inter laboristaj esperantistoj. La meritoj de ĉi tiu libro estas en tio, ke kiel esperanta originalo ĝi antaŭiris la nunmodajn primilitajn romanojn k en arta priskribo k prezentmaniero de la aŭtoro la leganto kvazaŭ vidas antaŭ si filmiĝi la teruran vivon de la siberiaj militkaptitoj, poste la unuajn ondojn de la rusa revolucio, fine kun peno por esti objektiva, sed tamen ĉiam arte prezentas Bagi epizodojn el la civitana milito. — Cetere la romano estas iom superbezone saturita per ama romantiko k sentimentalismo, tamen *io* (eĉ valora el la plumo de burĝa verkisto). Io, kies temo estas ĉerpita el la reala vivo: romano, kies bazo estas la civitana milito en Siberio en 1919.

En 1925, kiam mi legis „Viktimoj“, mi akiris la opinion, ke Bagi ne estante socialisto, tamen ekirinte de „Viktimoj“ laŭ la komencita vojo, ĉiam pli k pli proksimiĝos al la liberaj kampoj de la pensado k en larĝa horizonto iom forŝovante la trikolor-kurtenon, per malfermitaj okuloj observos la vivon k foje, foje . . . ekvidos ankaŭ la lukton de la milionamasoj. Kaj . . . se ne aliel, almenaŭ kiel „homo homa“ ekparolos pri ili, vipante la sociajn maljustaĵojn, k rimarkos, ke la efektiva fonto de la vivo k forto estas ĉe la milionoj.

Mi eraris.

En siaj verkoj Bagi tute ne parolas pri socie aktualaj problemoj; la ĉefaj figuroj de liaj rakontoj k romanoj estas individuoj kun celoj individuaj k neniel la opaj faktoroj de sociaj problemoj. Kiam tamen Bagi parolas nebule pri „sociaj problemoj“, tiuokaze la leganto trovas sin en imago-lando, kie la plej granda problemo estas tiu, kiel la reĝo ebligu la estontan regadon al sia filo, kiun li bonvolis antaŭe senheredigi. Apud tiu „problemo“ la interesoj de la larĝa popolamaso, sociaj demandoj tute malaltiĝas (ekz. en „Hura!“).

Ke Bagi ne progresis en la atendita direkto, tion plej elokvente pruvas lia lasta libro: „Printempo en la aŭtuno“ — dolĉe melankolia renkonto . . .

Certe la abortintaj vivrimedoj de la milionoj, la ĥaosa lukto, la mondskala malsato, poste la furioza armado kune kun la pri paco traktantaj arlekenoj — ne estas „dolĉe melankolia“. En tiu ĉi libro, tra cent dek kvar paĝoj konkuras Bagi kun Kurtsmaler (Courts Mahler). Tiu ĉi libro pruvas plej klare, ke Bagi ne iras antaŭen sur la komencita vojo, sed turnis sin k, jam preterpasinte la elirpunkton, kuras en kontraŭa direkto sur apenaŭ videblaj kampoj de la sensenca

romantikismo k kantas „dolĉe melankolie“, por ke la sonoj de la kanto malebligu al li aŭdi la muĝon de la kriantaj, veantaj problemoj de la vivo k de la nuna epoko.

„Printempo en la aŭtuno“ estas sensenca amromano, saturita per neebla filozofado k taŭgas por grasiĝintaj sinjorinoj, kiuj sidas sur monsakoj k pensas, ke tamen estis pli racie edziniĝi konsiderinte la materiajn avantaĝojn de la edzo. — Sed dolĉe melankolie revi ja estas permesate eĉ nun!

Ankaŭ en tiu ĉi romano Bagi konservis sian ŝatatan kutimon: unu el la ĉefaj figuroj estas ruso. Adamo Rabeci, 18-jara studento-gimnaziano, pro amuzo vizitas la tendon de foira aŭguristo, per kies buŝo parolas nebule Bagi pri la deveno de la knabo. La aŭguristo transprenas la pensofluon de la junulo k parolas al li pri lia infanaĝo:

(pĝ. 13) „Nia patro laboris en proksima urbo. La patrino bakis panojn k multe, multe ploris . . . Fremdaj soldatoj venis. Ili metis monon sub la pajlosakon k ankaŭ la sinjoro pastro donacis monon al la patro. . . . — Kaj foje en nigra nokto ektondris la kanonoj k vi kun la patrino kaŝis vin en la kelo. Jes, multe da botoj antaŭ la fenestro. Soldatbotoj. Oni rompis la pordon de la domo, tiris k trenis kun si vian patrinon el la kelo. Vi kaŝis vin malantaŭ barelo. Longe vi tremis tie. (Poste) . . . pro malsato vi ekiris, sed glitfalis sur la ŝtuparo. Viaj manoj fariĝis ruĝaj pro gluema malsekaĵo . . . Kiam vi atingis la kelo-pordon, vi trovis la sinjoron pastron kuŝanta ĉe la sojlo. Li dormis tiel profunde, ke li eĉ ne rimarkis vian falon sur sin. En la ĉambro senmove kuŝis tiu fremda soldato, kiu loĝis ĉe viaj gepatroj. Vi miris, ke la porpana tranĉilego elstaras el lia brusto . . . Vi serĉis la patrinon. Ŝi ne estis en la domo. Sur la vojon vi iris k ekmarŝis k marŝis. La luno lumis. Ĉe iu apudvoja arbo, sur branĉo pendis longa korpo. La scivolemo vin logis tien. La longa, senmove pendanta korpo estis via patro. Li montris sian langon al vi k vi pensis pri ŝerco. Ankaŭ vi montris langon al li k poste petis panon. Pacience, insiste longajn horojn vi petegis por la pano, sed via patro montris nur langon al vi . . . Poste venis soldato. Li ekprenis vian manon k parolis al vi. Vi ne komprenis lin, nur vidis, ke la soldato larmas . . . Li portis vin al multaj soldatoj, kies lingvon vi nekomprenis. (Poste) . . . oni envagonigis vin k la vagonaro kuregis longe, longe . . . Vi rememoras nur pri soldato kun bandaĝita brako, ĉar li varmigis vin sub sia mantelo . . .“

Tiu ĉi soldato kunportis k poste adoptis la infanon, kiu nun estas 18-jara studento. Jen estas forrapidita k nebuligita ĝuste tiu parto de la romaneto, kiu povus havi bazon ĉerpitan el la reala vivo. Fakte, la supra priskribo prezentas la terurojn de la milito, sed la vortoj de la aŭguristo perdiĝas en la aero k nenio plu. La patro de la infano estas mortigita kune kun la sinjoro pastro k la fremda soldato, kiuj donis monon al la patro. Ĉu pro konspiro? Kaj samtempe la rusan infaneton forportas fremda (hungara) soldato por edukigi lin. Ŝajnas, ke tiu ĉi parto estas intence nebuligita. La aŭtoro ne havis kuraĝon klare prezenti la kunagadon de la fremda soldato, la pastro k la patro de la knabeto. Ĉu li timis detrui la iluzion de la „dolĉe melankolia renkonto“? ĉu li zigzagiras por ŝajni „bona knabo“ ambaŭflanke? Ĉiuj legantoj pesu la vorton laŭ siaj ideologioj? La „homo homa“ eĉ vorton ne trovas kontraŭ la buĉado k la krimuloj, kiuj sin kaŝas post la mortigitaj: patro, pastro k soldato. Aŭ ĉu Bagi pensas kompensita la morton de la patro per la adopto de l'infano?

Se tiu ĉi epizodo estus klare k objektive prezentita, almenaŭ en pli granda amplekso, ĝi okupus la trionon de la romaneto; tiuokaze la tuto valorus pli! — Filozofante per la buŝo de la aŭguristo Bagi jam estas multe pli parolema:

(pĝ. 60) „Kaj la erarema, malkuraĝa Homo pro timo mensogas al si eternan Vivon. Li volas rifuĝi, volas eskapi[1] de la Vaneco k de la ŝtonplena vojo de la Vivo. Li transkuras sur la sopirfloran paŝejon de la Sonĝo, kun nevelkebla espero vagadas en la senlimeco, kiu kondukas al la senmorteco . . . Kompatindulo, li forgesas, ke la vojo de la Vivo k Sonĝo estas senfina, ĉar neekzistas Tempo, nek loko, ekzistas nur Ŝajno . . . Jes, nur Ŝajno. Al tiu ĉi Sajno kroĉiĝas ĉiu scienco de la homo. Li vivas, luktas, ripozas, kreas, mortigas por k pro la Ŝajno. La Ŝajno estas la leĝo, kiun li konsideras dia revelacio k lia dio estas tiu suvereno, kiu estras la ŝajnon. (pĝ. 65) . . . la homon kondukas ne la *senco*, sed la *ŝajno*.“

Fine, sur la paĝo 66 Baghy donas la lastan firmigon al sia filozofia tezo:

„ . . . la ŝajno estas la suvereno de la mondo.“

Eble en tiu aparta mondo, — en kiu vivas Bagi k kelkaj duon-humanistoj kun malklara ideologio, — estas la suvereno la ŝajno, ĉar ili fermas la okulojn antaŭ la realoj: vivo, lukto, kriantaj, veantaj problemoj de la nuna epoko k, lasante sin konduki de la ŝajno, *iras* „Preter la Vivo“, ne konsciante sian lokiĝon en la socio, nutras sin per falsaj iluzioj. Ili ne rimarkas la celon de la milionoj da opaj vivoj, kiuj ne *ŝajne*, ne pro *ŝajno* batalas, konstruas, por atingi Mondon de veraj (ne ŝajnaj) Homoj Homaj, kiuj ne gvidas militojn. Kaj la opuloj havos fiksan celon: labori por ĉiuj.

La studento renkontiĝas kun Evo, la adoptita filino de la arlekeno k aŭguristo. La junuloj unuavide reciproke k profunde enamiĝas. Pasas la kelktaga ferio k la aŭguristo malkonstruas sian tendon por pluiri ĝis alia stacio, sur la vojo de la eternaj migrantoj. La du gejunuloj fariĝas splene melankoliaj. La maljunuloj rimarkas tion k la aŭguristo konkludas fataliste:

„Nu, Fridolin (nomo de la arlekeno), vi forgesas, ke unu estas sinjore edukita k la alia nur simpla komediantino. La unua fariĝos sinjora moŝto, la alia estos la virino de karuselisto, ĉar ne konvenas ora kulero al argila poto.“

Karakterizaj vortoj. La komediantknabino, kiu jam nun akiras sian vivtenon per ŝvito, ne estas samvalora (laŭ Bagi) kiel la gimnaziano, kiu fariĝos „sinjora moŝto“ k kiu lernas nun pere de la bonvolo de riĉulo, kiu adoptis lin k poste testamentis por li kapitalon. Ŝajnas, ke Bagi volas pruvi, ke homoj laborantaj por la sama socio, jam radike ne havas samajn rajtojn? Krom tio, kie do estas la „ĉiontrapontanta amo“?

La sentimentalaj partoj de la romaneto ne apogas unu la alian. Post la profunda enamiĝo, en la momento de la disiĝo, la junulo montras nenian aktivecon. Ĉe la stacidomo li kisas la knabinon. La vagonaro forportas ŝin k la knabo hejmenirinte interparolas kun sia profesoro, samtempe kuratoro:

„Nu, kara amiko, levu la kapon! Ankoraŭ venos printempo . . . multaj, belaj printempoj.“

Nekredeme la studento balancis sian belan kapon.

„Tiel bela printempo kiel estis tiu ĉi en la aŭtuno, venos neniam, sinjoro profesoro . . . neniam.“

*

Mi ŝatus supozi, ke tiun ĉi libron Bagi verkis en momento de sinforgeso, pli ĝuste tiam, kiam li forgesis, ke la legantaro de la esp. literaturo legas sufiĉe da sensencaĵoj en sia nacilingvo k en esperanto volas legi librojn, kiuj almenaŭ temon havas.

Ne, „Printempo en la aŭtuno“ neniel markas la identon de la aŭtoro de „Viktimoj“. Mi esperas, ke la talenta verkisto-poeto refoje turnos sin k revenos almenaŭ ĝis sia elirpunkto k, kiel ĉiam majstrante arte la plumon, riĉigos la originalan literaturon, bazante siajn rakontojn sur la reala vivo.

[1] Evite forkuri. — *Red.*



# LA PAĜO DE L'FILOZOFO

## NELSON

La 11-an de julio revenis la 50-a naskiĝtago de *Leonard Nelson.* Li mem ne plu ĝuis ĉi tiun tagon. Jam antaŭ kvin jaroj, en oktobro 1927, li mortis. Kvankam li ne estas oficiale agnoskita filozofo, li tamen kredeble estas la plej eminenta filozofo de l'nuntempo.

Kio estas la filozofia verkaro de Nelson k kian signifon ĝi havas por la filozofio?

Nelson daŭrigis k plenumis la verkaron de *Kant* k de ties granda disĉiplo *Fries;* ĉi lasta, persekutita k subpremita de la Meterniĥa reakcio, ja restis tute nekonata. Nelson denove klare ellaboris la plej gravan verkon de Kant, la kritikan metodon, la metodon de l'psikologia dedukto de la etikaj principoj. Pri tiu ĉi metodo ekzistas krom severe scienca verkaĵo ankaŭ tre leginda k interesa parolado: „La Sokrata Metodo."

Per tiu ĉi metodo Nelson kreis sian fundamentan verkaron, la „Principoj de la Etiko". Paŝo post paŝo, kun matematika precizo esplorante la faktojn, zorgeme studante k kritikante ĉiujn kontraŭajn teoriojn, senkompate distaŭzante kontraŭdirojn k ŝtelakiritajn difinojn de ĉiuj doktrinoj, li malkaŝis k firme bazis la fundamentan principon de l' praktika racio, la principon de l' egalrajteco de la interesoj, de li nomata „principo de l' justo":

*„Aĝu neniam tiel, ke vi ne povus konsenti vian faron ankaŭ tiaokaze, se la interesoj de la estaĵoj trafitaj de ĝi estus viaj propraj interesoj."*

Kontraŭ malĝusta interpreto li ŝirmis tiun principon per la teorio pri la vera intereso, per la teorio pri la rajto de l' racia memdecido. Elirante de tiu unusola principo, bazita k pruvita en la „Kritiko de la praktika racio", li malkaŝis la principaron de la tuta etiko. En la „Filozofia Jurscienco" li montras la fundamentajn principojn de la jurscienco; k akre li kontraŭbatalis la nunan „Jurscìencon sen justo". En la „Filozofia Politiko" li kreis la fundamenton de ĉiu racia k justa politiko. Zorgeme li esploris la tre gravajn k malfacilajn problemojn de l'politiko. Ekz. la „problemon pri la eblo de ŝtato"; la rezulto de tiuj interesaj esploroj estas la postulo de l' *ŝtato kiel organizo, kiu, disponante pri trudpotenco, certigas la juston per eksteraj rimedoj.* Sed li ne malatentis la danĝeron pri despotismo. Post profunda kritiko de l' principo de politika aŭtoritato same kiel de tiu pri popola suvereneco (demokratio) li solvas tiun problemon per la principo de l'leĝa limigo al la registara potenco (kies bazo estas la principo de l'justo). Krome li montras detale la aplikon de l'principo de justo por ĉiuj kampoj de la publika vivo, juraro, soci- k kulturpolitiko, ŝtata k partia politiko. En la „Etiko k Pedagogio" Nelson malkaŝas etikajn principojn por la unuopa homo k la principojn por racia edukado de l'homoj. Legante tiun verkon, ni ekkonas la grandegan fendon, per kiuj la nunaj kapitalismaj k klerikalismaj cirkonstancoj malhelpas nin atingi tian belon k grandanimecon. Per akra kritiko li detruas ĉiajn ŝajnveraĵojn de la hodiaŭaj edukaj principoj, la principon de l'aŭtoritato k tiun de rekompenco k puno. Li kuraĝas demandi pri la plej grava demando de la racia edukado: „Kiel ni povas iun instigi per ekstera influo, ke li ne lasu sin instigi per ekstera influo?" Kaj li trovas la solvon de tiu laŭŝajna kontraŭdiro. Edukisto celanta racian edukadon ne povas malatenti liajn profundajn esplorojn.

Pruvante, ke ekzistas ekkonebla objektiva vero, Nelson kreis la firman fundamenton por la filozofio, kiu pro la disputo de nuraj elpensitaj doktrinoj k terminologioj perdis ĉian ŝaton k ĉian influon sur la publikan k spiritan vivon.

Sed Nelson ne nur estis filozofo. Lia principo de l'justo por li ne estis nura meditobjekto.

„Vera idealismo k malfalsa sento por vero ne estas disigeblaj de klopodo pri realigo: ja, unu kiel la alia vivas nur en ĝi."

Kaj Nelson klopodis pri realigo. Li fondis edukejon, super kies pordo staras la vortoj:

*Ĉi tie neniu estas devigata mensogi.*

Ĉar en tiu ejo la infanoj estas edukataj laŭ raciaj principoj k ilia rajto pri memdecido k propra respondeco estas agnoskata kiel nepra neceso por fari ilin fortkarakteraj homoj. Tia edukado nur estas komenco, provo realigi tiujn principojn; ĉar ĝis nun ekzistas nenia ekzemplo por ĝi.

Sed Nelson ne nur fondis edukejon. Klare li ekkonis, ke ne sufiĉas nura eduka laboro, ke tia edukejo povas perfektigi nur malmultajn homojn k nur post longjara klopodado. Sed la mizero k maljusto jam nun ege premas la homojn. Por forigi mizeron k maljuston necesas *politika* agado. Pro tiu ekkono k la alia, ke realigo de l'justo ne estas ebla sen detruo k renverso al la nunaj kapitalismaj k klerikalismaj institucioj, fariĝis Nelson politikisto k la lastaj dek jaroj de lia vivo ĉefe estis dediĉitaj al tiu tasko. Tiu tasko, la materia k spirita liberiĝo de l'homoj, estas solvebla nur flanke de la subprematoj k Nelson batalis kun ili. Liaj universitataj amikoj grandparte forlasis lin, sed li gajnis novan anaron inter proletoj. Poste, la socialdemokrata partio germana eksigis lin kun liaj amikoj, kiam minacis la danĝero, ke ili revoluciigus la junularon. Tiam estis fondata la nuna ISK.

Kian signifon havas la verkaro de Nelson por la proletaro?

La teoria fundamento de l'laborista movado ŝanceliĝas. La historia materialismo, laŭdire „scienca" fundamento, ne povis malhelpi, ke ĝiaj disĉiploj nun estas disigitaj en du k eĉ pli da aloj; ĝi ne povis malhelpi la teorian k praktikan sen-

*Etnologio*

# RASOSCIENCO KAJ RASISMO.

LA *RASISMO* trovis per la germana nacisocialista partio dum la lastaj jaroj centmilojn — por ne diri milionojn da adeptoj. Sub la standardo de la scienco ĝi venke marŝis k konkeris grandajn partojn de la popolo. „La Norda Ideo“ (Der nordische Gedanke) fariĝis populara, k pli ol unu meditema kolbasburĝo vekiĝis kiel raskonscia germana „kungentano“ (Volksgenosse).

Kiajn armilojn do uzis tiu ĉi rasismo, kiu tiom multe progresis? Kiaj konvinkaj argumentoj kreis la favoran senton? En malmultaj linioj ni volas pritrakti kelkajn el la plej rimarkindaj trajtoj de la rimedoj k celoj de la rasismo, precipe viditaj el rasoscienca starpunkto.

La rasistoj rigardas la evoluon de la socio sub la vidpunkto de „la rasbiologia histori-koncepto“, kiu konsideras la progreson aŭ malprogreson de la diversaj, diversrangaj rasoj kiel la ĉefan kaŭzon de la sorto de la kulturoj. Pri tia raseca koncepto koncerne al nia nuna socimizero ni trankvile povas diri: la kapitalisma sistemo, bazita sur la produktado por kontentbezono, estas la *kaŭzo* de la hodiaŭa mizero, la malprogreso de la norda raso nur verŝajne unu el ĝiaj *rezultoj.* Precipe en urboj, kie grandaparte kolektiĝas la inteligentuloj, regas la nasklimigo, k per tio la plimultiĝo precipe de tiu ĉi plej inteligenta parto de la popolo iom post iom estas malhelpata, sed tio okazas *pro la mizeraj ekonomiaj cirkonstancoj* — k ne inverse. —

La ĉefa gvidanto de la rasisma movado estas la germana universitatprofesoro Ginter (Günther), kies laboroj pri rasoscienco vere kaŭzis miron en sciencaj rondoj. Por kompreni la amatorajn labormetodojn de Ginter, ni devas diri kelkajn vortojn ĝenerale pri rasoscienco.

La priskribanta rasoscienco dividas la homojn en diversajn rasojn laŭ certaj distingaĵoj: haŭt- k harkoloro, kapformo, alto ktp. La ĉefa pridivido estas rasgrupoj, el kiuj la t.n. „eŭropeida rasgrupo“ enhavas la ĉefparton de la loĝantaro en Eŭropo. Al tiu grupo oni ĝenerale apartenigas la sekvantajn rasojn:

*La norda raso,* alta, blonda kun mallarĝa vizaĝo, alta nazo, forta mentono, blanka haŭto, bluaj aŭ grizaj okuloj k.a.

*La mediteranea (vesta) raso,* malalta, brun- aŭ nigrehara, kun mallarĝa vizaĝo, pli malforta mentono, mallonga nazo, bruneca haŭto, brunaj okuloj k.a.

*La dinara raso,* alta, brun- aŭ nigrehara, kun mallarĝa vizaĝo, la postkapo abrupta kvazaŭ dehakita, granda kurba nazo, bruneca haŭto, brunaj okuloj k.a.

*La alpina („ost“a) raso,* malaltstatura, kompaktfigura, brun- aŭ nigrehara, larĝkapa kun neevoluinta mentono k larĝa nazo, haŭto flavebruna, brunecaj okuloj k.a.

*La ostraso (orientbaltika laŭ Ginter),* malaltstatura, larĝkapa, neevoluinta mentono k larĝa mallonga, plata nazo, hela hararo, grizaj aŭ helbluaj okuloj, hele grizeca haŭto k.a.

Inter tiuj rasoj ekzistas amaso da interformoj, k — ĉar la rasoj estas tre parencaj — la rasfiksado de iu persono ne nur bezonas analizon de lia ekstera aspekto, sed studadon pri pluraj liaj prapatraj generacioj por akiri sufiĉe science fundamentitan rezulton. Li nome heredis inklinojn por ĉiuj siaj korppartoj *tiel* de la patro *kiel* de la patrino — li do posedas ĉiujn inklinojn en *duobla okupo.* Sed kelkaj inklinoj estas pli fortaj ol aliaj, oni diras, ke ili *regas,* dum la aliaj *cedas.* Tial ĉiu homo posedas multajn *kaŝitajn* inklinojn, kiuj estas nevideblaj per la okuloj, sed eble en la idaro ili povas manifestiĝi, se ili aperas duoble. Ekz. brunaj okuloj regas super bluaj — do brunokula persono tamen povas porti kaŝitan heredan inklinon al bluokuleco, kiu en la idaro povas manifestiĝi, se ĝi en tiu aperas duoble. Oni do vidas, ke rasfiksado estas sufiĉe malfacila afero.

Kaj nun al Ginter, la granda „ras-esploristo“ de la naci-socialistoj. Kiel li procedas en sia „Rasoscienco pri la germana popolo“ (Rassenkunde des deutschen Volkes)? La rasfiksado kreas al li neniujn skrupulojn: kun granda certo li entreprenas centojn da rasfiksoj eĉ kun apenaŭ distingeblaj mikstrajtoj („leichten Beimischungen“) k sur bazo de fotografaĵoj (kiuj ja ne montras iujn kolorojn por ne mencii la kaŝitajn inklinojn) li konstruas rastipojn en vere subtilsentema serĉado. Liaj rezultoj sekve estas frapante mirindaj (!) kompare kun tiuj de veraj rasosciencistoj, kiuj ĉiam akcentas la malfacilon fiksi la rason en apartaj kazoj. Por Ginter ĉio rakontas pri raso — la jena cito

helpecon en la nuna tempo de l'„putranta“ kapitalismo. Per sia principo de l'justo Nelson donas al la laboristaro firman sciencan fundamenton. Kiel kaŝita supozo ĉi tiu principo ja enestas eĉ en la materialisma teorio. Kaj ĝi estas fundamento komprenebla por ĉiu laboristo, kies spirito ne estas doktrine difektita, same kiel ĉiu simpla homo senhezite ĝin aplikas juĝante pri iaj aferoj: „Tio estas justa — tio estas maljusta“.

Sed ne sufiĉas scii, ke la celo estas justa sociordo. Ne per si mem la celo fariĝos realo; ne ekzistas ia mistika evoluo al tiu celo, nek ia progresiga forto efektiviganta socialismon. Por realigi nian celon, ni ne povas fidi al favora fatalo, sed devas *mem* klopodi pri ĝi. Nelson ĉiam denove akcentis, ke la intenso de la *volo* estas decidiga. Ĉar en la naturo, de kiu estas parto ankaŭ la homa socio, ĉiam decidas la plej granda forto.

Tamen ankaŭ la plej forta volo ne povas sukcesigi justan socion, se ne regas ĝin forta k sincera karaktero. Eble tio estas la plej granda merito de Nelson, ke li montris la gravon de edukado al karakteroj sendependaj de personaj emoj k pasioj, kritikemaj pri si mem k ke li komencis tian edukadon en la vicoj de ISK. Nur firmaj karakteroj povas eviti la rifojn tiel de oportunismo kiel de ekstrema radikalismo kiel ankaŭ de despotismo. Kaj nur tiaj homoj iam povas gvidi la laboristaron al venko, al forigo de ĉia ekspluatado.

*16900.*



Hitler 100%-teŭtono (german-rasano) *Desegno de G. Grosz.*

el lia „Rasoscienco“ (laŭ V. Ŝmit [Schmidt]: Raso k popolo [Rasse und Volk]) „Hochland“, jan. 1927) parolas per si mem:

„Suboficiroj estis pli nordaj ol la simpluloj, stabofiсiroj pli nordaj ol la aliaj oficiroj, la instruistoj ĉe altlernejo en iu urbo pli longekraniaj ol la oficiroj de la tiea regimento ktp. Ĉe la tramvojoj oni elektas avantaĝe personojn inteligentajn, sed oni samtempe ankaŭ elektas homojn kun nordaj distingaĝoj. La veturigisto de la tramveturilo estas malpli norda ol la konduktoro . . .“

Prijuĝo k enrangigo de la diversaj rasoj laŭ spirita stato faras al Ginter (k sekvantoj) neniel grandajn malfacilaĵojn. Ke sciencistoj tenas sin tre singardeme koncerne al pritakso de spirita kapablo k karaktero de rasoj — precipe, kiam ili estas reciproke tiom parencaj kiom la eŭropeidaj, tio ne ĝenas scienciston de lia formato. Kvankam la spiritaj k „moralaj“ kapabloj varias grandskale en ĉiu rastipo k ankaŭ dependas altgrade de eduko, medio ktp, li faras kun impona certo siajn juĝojn: plej alte staras la norda raso, kiun li pro ĝia krea kapablo konsideras kiel ĉefan portanton de la kulturo, dum precipe raso kiel la „ost“a estas malplivalora. La emo de tiu ĉi raso al malfacila laboro kaŭzis laŭ la rasistoj, ke ĝi konsistigas grandan parton de la proletaro en la industriurboj. Eksterеŭropeidaj rasoj kiel negroj, orientazianoj ktp., entute ĉiuj „koloraj“ rasoj staras ankoraŭ pli malalte. Speciale malfavore la rasistoj pritraktas la judojn. La valora norda raso devas esti savata. Plej danĝera al ĝi k al ĝia kulturo estas — pretendas la rasistoj — la judoj, miksraso ĉefe okcident-azia. Por laboristoj oni prezentas la judojn kiel la malbonajn spiritojn de la kapitalismo — la vera kaŭzo de la socia mizero —, por la kapitalistoj kiel malutilajn komunistojn k fine por la „bona societo“ de eksoficiroj, nobeloj ktp, kiel rasece malpli valorajn. Tiel ĉiuj estas politike kontentigataj.

En propono por nacisocialista rashigiena programo prof. d-ro Staemler „Celo k vojo“ ([Ziel und Weg], jan. 1932) dividas la homojn en kvar grupojn laŭ ilia hereda valoro. Grupo III ampleksas homojn kun nedezirinda idaro: „Al grupo III apartenas anoj de ekstereŭropeidaj rasoj inkluzive la judoj, krome drinkuloj k aliaj malvirtuloj, same kiel tiuj homoj, ĉe kies gepatroj oni konstatis gravajn malsanojn.“ Kiu volas pretendi, ke tia propono estas bazita sur scienco? —

La ĉefa celo de la rasismo estas kreo de rasprivilegioj, ili tial estas interesataj, ke neniu miksado inter la rasoj okazas. Ginter skribas: „Per kruciĝoj oni ankaŭ parte povas klarigi la korpan malbelegon („Hässlichkeit“) k moralan malbonon kiu aperas en rasmiksoj“. Li ne timas ĝeneraligi: la regulo estas, ke la rasmiksaĵo estas „hässlich“, la escepto, ke ĝi ne estas tia. La rasistoj kutimas paroli pri „spirita malharmonio“ en la rasmiksaĵo — nescience esprimita pretendo tute nepruvebla. Oni prezentas kiel ekzemplon por tio la duonnegrojn („mulatoj“), nepripensante ties malaltan socian medion, kun prostituinoj, krimuloj k.a., en kiu okazas tiu rasmiksiĝo. Ĉiuj ekzaktaj esploroj bazitaj sur sufiĉe granda materialo kontraŭpruvas tiujn pretendojn. Ekz. la *Rohobother bastardo* — miksraso inter tiel reciproke malproksime starantaj gentoj kiel la boeroj k hotentotoj — kontraŭpruvis nekontesteble tion per la fakto, ke tiu miksraso estas sana korpe k spirite, k ĉiel bone vivkapabla. Ĉu rasmiksulo fariĝas malplivalora, tio dependas, ĉu la gepatroj individue estas malplivaloraj. Ke rasmikso en si mem estas malbona, restis nepruvita aserto.

Entute la rasistoj amasigas asertojn sur asertojn, nehavante la kapablon liveri pruvojn pri ili. Oni akre devas distingi inter la *rashigieno*, kies celo estas malhelpi generadon de herede malsana idaro, do socie tre utila k senpere prudenta, k la pseŭdoscienca *rasismo*, kies celoj estas politikaj, k kiu pro siaj senesperige konfuzaj malklarigoj de faktoj k siaj instigoj al rasmalamo estas socie rekte malutila.

*Paul Neergaard, Kopenhago.*

---

## *Psikologio*

## La infana animo k la psikanalizo.[1]

Verdire, se la psikanalizo interesas unue k ĉefe la tutan normalan psikologion, ĝi havas apartajn kunrilatecojn kun la infana psikologio. La *kompleksoj*,[2] kiuj estas ĝia preferata studobjekto, estas fakte konsiderataj ĉiuj kiel formiĝintaj en siaj grandaj trajtoj ĉirkaŭ la aĝo de 6 jaroj.[3] La rekta observado pri la juna infano nin ĉeestigas al la formiĝo mem de tiuj ĉi grandaj sistemoj, kiujn la psikanalizo de l'plenaĝaj povis nur indukte akiri sub la nomo de „nekonscio“. Ĉar ju pli oni progresas, des pli oni rimarkas, ke la „nekonscio“ de Freŭd formiĝas esence el la transvivaĵoj de l'infana konscio, tiu sama, kiun ni vidas formiĝanta antaŭ la aĝo de 6 jaroj proksimume, kiu forfalas poste en tiel unikan k tiel kompletan forgeson, k kiu estas tiel plene nesciata de la plenaĝulo (li vere devas malkovri ĝin). La observado pri la infano, helpe de l'donitaĵoj de la psikanalizo, promesas do esti fruktodona. Vere, tie kuŝas la rekta k konkreta psikanalizo,

[1] Eltiro el la antaŭparolo al samtitola verko de la eminenta pedagogo *Karlo Boduen* (Ch. Baudoin), profesoro ĉe la Instituto J. J. Ruso (Rousseau) en Ĝenevo, k esperantisto.

[2] *Komplekso* (en psikologio) estas kombino el malsamaj instinktoj k inklinoj de l'observata estaĵo en unuecan analizan grupon (Trad).

[3] *Ĝonz* (Jones) *(Traktaĵo pri psikanalizo, ĉap. XXXVI)* asertas eĉ, ke transe de l'aĝo de 4 jaroj la infano ĉesas esti atingebla al vere nova intereso. La grandaj direktoj de ĝia impreseblo estus fiksitaj jam de tiam.

kiu ne multe bezonas indukti k supozi, ĉar ĝi tuŝas k ĝi vidas. Freŭd, ĉe la fino de siaj tridekjaraj laboroj, venis al tiu ĉi unue neatendita konkludo, kiun li esprimas sen ĉirkaŭfrazoj en 1925: „*La infano estas la speciale taŭga objekto de la psikanaliza esplorado.*"[4]...

*

. . . En la nuna stato de l'aferoj la psikanalizo ne rekte ligas la superajn psikologiajn faktojn kun instinktoj; ĝi ligas ilin kun *kompleksoj.* Ĝi povis unue sin trompi mem en tio, ĉar en la kompleksoj iuj instinkt-elementoj frape montriĝas. Sed kion pli detala studado pri la komplekso nin devigas konsenti, k kio havas unuan gravon, tio estas leĝo, kiun mi formulus per tiuj ĉi vortoj: *en ĉiu komplekso, pluraj instinktoj estas reprezentitaj,* k en la stato de jam intima kombiniĝo. Inverse, *ĉiuj grandaj instinktoj estas reprezentitaj en ĉiu el la grandaj kompleksoj.*

Tiu ĉi leĝo, kiu reliefigas la signifon de l'komplekso kiel elstaraĵo inter la instinkto k la supera psiko permesas kompreni k solvi la diverĝojn en interpretado, kiuj ekestis de la komenco, inter la analizistoj, kiam ili provis reduktadon de l'superaj impresoprocezoj al la instinkto. Freŭd neniel trompiĝis k neniom troigis, elmontrante, preskaŭ ĉie, signojn pri la seks-instinkto; sed aliaj aŭtoroj ne trompiĝis plie, rekonante *en la samaj procezoj* la plidaŭrigojn de l'instinkto pri konservado, de l'volo al potenco, de l'socia instinkto, ktp. La interpretoj komencas interpuŝiĝi nur kiam oni volas ligi nete k simple la superan procezon kun la instinktaj elementoj, kiujn oni malkovris en ĝi. Vero estas, ke tiu ĉi procezo devas esti ligata kun *komplekso,* kie pluraj instinktoj ĉeestas ne malimplikeblaj...

. . . Provu ni nun lokfiksi k, se estas eble, klasigi tiujn ĉi kompleksojn. Oni bonvolos konsideri, ke nia klasigo havas nenian alian pretendon ol fari ioman ordon por la studo; ĝi estas certe tre neperfekta; estas permesite ĝin konsideri kiel provizoran.

1. Unua klaso entenus kompleksojn formitajn el emoj celantaj esence posedi aŭ atingi eksteran objekton. Ni povos ilin nomi *kompleksoj de l'objekto.*

Unu koncernas la amkonkuradon de l'gefratoj *(komplekso de Kain):* ĉiu volas unue posedi por si sola la patrinon k ĉiujn eblajn havaĵojn; alia prezentas al ni la tendencojn de amo k malamikeco rilate al la gepatroj: amo por unu el la gepatroj k malamikeco rilate al la alia *(komplekso de Edipo);* ni povas vicigi en la saman klason *komplekson de detruemo* (sadismanusa), kiu havas intereson difekti iun objekton, malutili al malamiko, k *komplekson de elmontriĝemo,* kiu grupigas la tendencojn vidi k esti vidata (elmontremo) k kiu restas, kiel la antaŭaj, en konstanta rilato kun la objekto, ĉar temas ĝin vidi, ĝin malkovri, ĝin admire rigardi aŭ igi sin rigardata, ŝate taksata, admirata de ĝi.

2. Tamen, per unu el tiuj ĉi nesenteblaj transiroj, kiajn ni renkontos senĉese en la kampo, kiu nin okupas, ĉi tiu lasta komplekso kondukas nin al dua klaso. La elmontriĝema sinteno, kiom ajn interesita ĝi estas por la objekto, tamen spertas ian retiriĝon ĝiarilate; vidi ne estas havi. Krome, la estaĵo, kiu volas igi sin admirata, estas proksima al memadmiro. Fine, la scivolo, kiu plidaŭrigas tute nature la deziron vidi, transiras baldaŭ ankaŭ sur la estaĵon mem: „Kiu mi estas?" Tiel oni venas iom post iom al priokupoj, ĉe kiuj la estaĵo mem estas la centro. Ni povas tiam paroli pri *kompleksoj de l'mio.*

En tiu ĉi klaso ni renkontos unue la tiel gravan *komplekson de stumpigo,* kiu estis kun la komplekso de Edipo unu el la unuaj determinitaj de Freŭd. Ĉi tie ni vidas la estaĵon sin kompari al aliaj; la infano mezuras sin kun la infanoj de l'alia sekso, pensas, ke la knabino estas stumpigita; ĝi absorbe sin okupas pri la demandoj pri pli k malpli; k ĉi tie originas la sentoj pri malplivaloreco, la deziroj al supereco. Ĉe la knabino ĉi tiu komplekso ricevas apartan formon, kiu meritas esti studata por si, k kiun mi izolis sub la nomo de *komplekso de Diano:* la knabino, sin kredante malplivalora, volas esti knabo. Sed ne nur en rilatoj kun aliaj la infano serĉas orientiĝon; tre frutempe ĝi volas scii, kiu ĝi estas, de kie ĝi venas, kiel naskiĝas la infanoj. Kaj ĉi tie aperas la *komplekso de naskiĝo.* La infano havas siajn proprajn teoriojn pri la naskiĝo: la infano naskiĝas tra la anuso . . . escepte se ĝi havas miraklan originon, kiel la herooj de la fabelo.

3. Sed nenia intereso, ĉe la infano, estas pure teoria. La komplekso de naskiĝo ebligas strangajn fantaziojn pri „reveno al la patrina sino", ligitaj mem kun la serĉado pri rifuĝejo. Ni venas tiel — denove per progresecaj transiroj — al sistemoj, kiujn ni povas kvalifiki per *kompleksoj de sinteno.* Ne temas ĉi tie plu orientiĝi, sin firme montri kiel „mion", temas ne plie celtrafi k posedi ian difinitan objekton; temas pri sinteno, kiu ripetiĝas antaŭ granda nombro da objektoj k, oni povus diri, antaŭ la vivo mem, k kiu koloras la plej diversajn tendencojn.

La *komplekso de l'demamigo,* estas tre ligita kun difinita tuŝego k kun la deziro je difinita objekto: la patrina lakto. Sed oni povus diri, ke inter tiuj ĉi du terminoj: „deziro" k „objekto", la akcento translokiĝas baldaŭ de la dua sur la unuan; la objekto, definitive neatingebla, estas forlasata, sed restas la deziro, la nostalgio, resume sinteno, kiu ripetiĝas rilate al ĉiuspecaj objektoj, sub formo de postulo, avido, ktp. La sinteno propra al la komplekso de demamigo ebligas krome sopiron al la unua infaneco, sopiro, kiu reproduktiĝas en aliaj kazoj k kiu enkondukas nin en la *komplekso de retiriĝo.* Ĉi tiu entenas la sintenojn de sopiro, regreso al infanaj stadioj, inversiĝo, k estas konstante sub-celdirektata per la serĉado al la rifuĝejo (kio, malrektavoje, rekuniĝas kun unu el la branĉoj de l'komplekso de naskiĝo). Fine, oni devas ligi kun tio la narcistan sintenon, kiu ankaŭ havas evidentajn ligpunktojn kun la kompleksoj de l'mio, ĉar la narcismo estas la amema refaldiĝo sur sin mem. Sed en tiu refaldiĝo povas esti, definitive, malpli ankoraŭ da amo al si ol da rifuĝo antaŭ la vivo k la mondo.[5]

[4] *Freŭd,* Antaŭparolo al la libro de Aŭg. Ajĥhorn, *Senprizorga infanaro.*

[5] La kompleksoj de *Edipo* k de *stumpigo* (nomata de Freŭd: *komplekso de kastrado)* estas klasikaj. Tiuj de *naskiĝo* k de *demamigo* iom malpli. Fine ni proponas mem la terminojn de komplekso de *Kain,* komplekso de *detruemo,* komplekso de *elmontriĝemo,* komplekso de *Diano,* komplekso de *retiriĝo* por nomi regionojn pli malpli ekzakte determinitajn de la aliaj analizistoj, sed por kiuj mankis ĝis nun sinteza difino k klara nomigo.

---

Korektoj en la 2-a kajero: Sur p. 32 (La Kanto pri la Ĉemizo) legu jene en la 10-a strofo la 3-an k 4-an liniojn: *Sed ve! ankaŭ tiun tirana kudril' ne lasas libera al mi!* (anstataŭ: tiu . . . liberon). — P. 36, 1-a kol., 27-a lin. de malsupre, oni legu: *ideistaj marksistoj* (anstataŭ: ideistaj kr.) Sur p. 33, 2-a kol., 13-a lin. de malsupre la dato devas esti: *1832* (ne 1932).

4. Tiaj estas la tri klasoj, kiujn ni kredis povi distingi. Oni rimarkas senpene, ke tiu ĉi klasigo respondas al forte surstampita distingo en la propra naturo de l'aferoj. La komplekso estas fasko da tendencoj, k difiniĝas per la tendenco. Sed ĉiu tendenco, ĉiu ago (kiel ĉiu propozicio de l'lingvo) prezentas tion, kion oni povas nomi objekto, subjekto, verbo; laŭ tio ĉu la akcento estas metata pli forte sur unu el la tri terminoj, ni havas antaŭ ni kompleksojn de l'objekto, de l'mio aŭ de la sinteno. Tamen, kiom ajn natura ĝi estas, nia klasigo estas nur proksimuma; jam en la mallonga laŭvica citado ĵus farita ni konstatis, ke severaj limoj ne estas difineblaj; la kompleksoj ŝovas disbranĉigojn unuj en la aliajn; ĉiumomente, mallongaj cirkvitoj rekondukas nin de l'unu al la alia — k de unu klaso al la alia.[6]

Tiel ni estas alkondukataj korekti tion, kio povus esti tro rigora en niaj distingoj, serĉante la *rilatojn* inter la kompleksoj. Ni povos priskribi multe da *ligpunktoj* inter diversaj kompleksoj. Ni rimarkos krome, ke tiuj ĉi renkontiĝoj siavice ne produktiĝas hazarde, sed ke diversaj kompleksoj havas la kutimon rekunligiĝi en iuj *tipaj motivoj*, kiuj prezentiĝas, en granda nombro da kazoj, kun analoga fizionomio; ni priskribos pli detale du ekzemplojn el tiuj ĉi skemoj: la motivo „mi estas esceptita“ k tiu de la „virino-viktimo“. Fine ni komencos la studon pri tio, kion Freŭd nomis la „supermio“, vera komplekso, kiu reprezentas la moralan instancon, k kiu ludas rilate al ĉiuj aliaj kompleksoj rolon de *reguligado*, tiel ke ĝi estas en konstanta interrilato kun ĉiuj. Ĉi tiu instanco, — kiu difinas la fizionomion, kiun ricevos ĉe ĉiu individuo la „idealo“ k la „morala konscienco“ — aperas jam nete ĉe la juna infano; ĝi estas funkcio de l'gepatroj, de l'unuaj edukantoj, k igas nin tuŝi al la koro mem de l'eduka problemo.

*Karlo Boduen* (Charles Baudouin). Traduko el la franca lingvo.

# *Lingvoscienco*[1]

## Pri lingvoj de azianoj.

„Ĉina regno“ estas kolektiva termino por aro da popoloj k landoj, ekz. Tibeto, ĉinia Turkestano, Mongolio k Manĉurio, kiuj ĉiuj havas proprajn lingvojn konversaciajn k komercajn, k nur la oficiala lingvo estas la ĉina. Sed en la mema Ĉinio — lando de 5 300 00 $km^2$ — oni nur parolas ĉinan lingvon. Parencaj al la ĉina estas ankaŭ la lingvoj de Tibeto, Barmo (Birmo), Siamo, Anamo k Koĉinĉinio, kiuj apartenas al la unusilaba lingvofamilio, t. e. ke ĉiu radika vorto, ĉiu ideo ĝenerale konsistas el nur unu silabo, al kiu oni aldonas nek afiksojn nek aliajn gramatikajn deklinaci- aŭ konjugaci-signojn. Ĉar ja ne estas eble produkti per la homaj lingviloj tiom da silaboj kiom necesas por nomi ĉiujn ideojn, tiuj popoloj uzas specialan tonsistemon. Ekz. la ĉina vorto „ma“ povas esti prononcata en diferencaj ton-altoj k havas en ĉiu tonalto alian signifon: patrino, ĉu, ĉevalo, formiko k malbeni. La nombro de la ton-altoj tre diferencas inter la unuopaj dialektoj, jen estas 4, jen eĉ 8. La diferenco inter la ĉinaj dialektoj estas tiel granda, ke ekz. homo el la provinco Ŝan-tung tute ne komprenas homon el la apuda provinco Kiang-su, k eĉ interne de unu provinco la lingvo ofte varias.

Verdire oni ne povas paroli pri ĉina lingvo, ĉar ja tia ne ekzistas, kvankam precipe inter la ĉina studentaro ekestis movado por kreado de ĝenerala ĉinia lingvo. Ja ekzistas oficiala lingvo la tiel nomata „mandaren-lingvo“ (Kuan-ĥua), bazita sur la dialekto de Pei-ĉing (Pekino), sed ĝin la oficistoj devas aparte lerni; ĉiuj aliaj — eĉ sciencistoj — uzas siajn hejmdialektojn. Gazetoj k modernaj libroj preskaŭ ĉiam estas presata en la koncerna dialekto. Sed ekzistas unusola skriblingvo, — skribata per tiuj ofte admirataj strangaj signoj, — kiu validas en tuta Ĉinio. En ĉi tiu skribo ĉiu signo signifas unu vorton — unu ideon. Se do la silabo „ma“ havas 5 tonojn, ĝi ankaŭ havas 5 skribsignojn. Estas do konstateble, ke la ĉina skribo estas ideala por la ĉina lingvo, k ke la enkonduko de la latinskribo estus preskaŭ neebla pro la neceso marki la tonojn. Do tiun skriblingvon komprenas ĉiu ĉino scipovanta legi, sed nur se li legas ĝin por si mem, ĉar por laŭtlego oni uzas aŭ apartan leglingvon — komprenata nur de sciencistoj — aŭ la hejmdialekton. Sed el la 400 milionoj da ĉinoj nur eta nombro da homoj scipovas legi, do oni povas imagi, ke la valoro de la skriblingvo kiel ĝenerala ĉina interkomprenilo estas malgranda, ĉar ja eĉ komercistoj, kiuj pendigas antaŭ siaj butikoj longajn flagrubandojn kun surskribitaj klarigoj pri siaj komercaĵoj, ne scias legi la signojn, same ne la metiisto, kiu pentris tiujn hieroglifojn. Mezkleraj homoj nur lernas tiujn signojn, kiuj koncernas ilian profesion k sferon.

Resume: Tion, kion ni nomas ĉina lingvo, estas granda lingvofamilio da ĉirkaŭe 30 memstaraj dialektoj kun malfacila k antikva, sed universala skribsistemo.

Dependaj de la ĉina skribsistemo estas ankaŭ la lingvoj de Koĉinĉinio, Tonkino, Anamo, la Liu-kiu insuloj k Japanio.

La japanan lingvon parolas ĉirkaŭe 90 milionoj da homoj. Ĝi estas aglutina lingvo, t.e. la vortoj ricevas antaŭ- aŭ post-silabojn, sed ne fleksiajn signojn, do

[6] La komplekso de detruemo, kiun ni vicigis inter la kompleksoj de l'objekto, prezentiĝas iurilate kiel komplekso de sinteno. Oni vidos, ke la „anusa karaktero,“ kiu dependas de ĝi, fariĝas vera sinteno antaŭ la vivo.

[1] Tial ke K-do prof. G. Waringhien ne havigis al ni ĝis nun la materialon por la fako, kiun li konsentis gvidi, ni anstataŭas tiun materialon per la ĵus ricevita artikolo, kiun niaj legantoj certe legos kun granda intereso. (Ĝi prezentas ankaŭ respondon al informpeto de K-do 5320, faritan sub alineo 3 de „Mi volas scii“ en la n-o 390 de *Sennaciulo.)*

Al d-ro W. Lippmann, kiu sendis al ni artikolon por ĉi tiu fako, ni sciigas, ke ni komunikis la manuskripton al ties gvidanto k sekve ne respondecas pri la prokrasto. — *Red.*

la strukturo estas tute alia kiel la ĉina. Samspeca estas la korea lingvo. Ankaŭ en Japanio estas dialektoj, sed ili ne tiom diferencas kiel en Ĉinio k plie la dialekto de Tokio estas instruata en ĉiuj lernejoj de la lando kiel klera konversacia lingvo. Por skribi oni uzas la ĉinajn signojn, kvankam tiuj estas tute netaŭgaj pro la tre diferenca gramatika strukturo de la japana lingvo. Por eviti fuŝkomprenojn, la japanoj kreis proprajn silab-alfabetojn, tiel ke ekz. moderna japana gazeto estas presata en miksita skribo, kun ĉinaj k japanaj signoj. Ĉiu klera japano konas la latinan alfabeton, k jam sufiĉe ofte oni presas japanajn tekstojn latinlitere.

En la nordo de Japanio vivas la Aino-popolo, kies lingvo eble estas ia praformo de la eŭropaj lingvoj; ĝi havas nenian interligon kun la japana.

Resume: Ekzistas nur unu japana lingvo, kiu tamen tre diferencas de la ĉina.

Hindio estas vera lingva babilonaĵo. Konstateblaj estas ĉirkaŭe 200 lingvoradikoj, kiuj ĉiuj disbranĉiĝas en multajn dialektojn. Aro da tiuj lingvoj apartenas al la tibeto-barma lingvogrupo, kiu estas parenca al la ĉina lingvo. La dravida lingvogrupo enhavas la lingvojn de la hindia praloĝantaro. La plej grava lingvogrupo estas la hindo-germana, kiu originas el la sanskrit-lingvo. Plej eminente reprezentas tiun grupon la hindustani-lingvo, lingvo el sanskritaj, persaj, arabaj k.a. elementoj, kiu nun servas kiel ĝenerala interkomprenigilo en tuta Hindio k estas skribata laŭ religio parte per arabaj, parte per sanskritaj literoj.

Resume: En Hindio terura konfuzo de lingvoj.

*Bruno Fahlke (8069), Berlino.*

## LA EĤO DE LA LEGANTOJ

*Post publikigo de ĉi tiu rubriko en la 2-a kajero ni ricevis ankoraŭ kelkajn leterojn, el kiuj ni ekstraktas jenon:*

K-do *Veder*, Nov-Jorko, skribas: „. . . La prezento de „LNE“ estas sufiĉe plaĉa, sed enhavo laŭ ideologio ne sufiĉe kontentigas min. Tamen kompreneble ĝi estas tre subteninda eldonaĵo, ĉar samopinieco inter niaj vicanoj ja ne estas atendebla.“

K-do *Pujol Regualta* (12 946), Palafrugell: „. . . La Revuo plaĉas, eĉ tre plaĉas al mi! Mi opinias, ke neniu SAT-ano rajtas ĝin mallaŭdi; oni ja devas rilati al ĝi kritike, sed neniam mallaŭde . . . Mi dezirus, ke „LNE“ dekomence estu aperinta kun bele ilustrita kovrilo; ke ĉiu literaturaĵo estu ĉu originale verkita, ĉu zorge ĉerpita el la plej majstraj verkoj de l'grandaj literaturaj majstroj, klasikaj aŭ niaepokaj. „La Paĝo de l'Filozofo“ k „Scienco“ estu verkataj objektive; disaj konoj, kvankam altsciencaj, preskaŭ fariĝas senefikaj. Fotoj k adaptitaj desegnoj devus esti majstre faritaj aŭ almenaŭ akcepteblaj . . .“

K-do *W. Burgemeister* (16 371), Warnsdorf: „La gazeto tre plaĉas al mi ĝenerale. La enhavo estas altvalora. Sed la rakonto pri la betonmiksoj estas vera „miksaĵo“. La frazoj k la tuta senco estis tiel dispecigitaj, ke ŝajnas, kvazaŭ la vortoj post agito estis eljetitaj el sako . . .“

*Gek-doj! Daŭrigu helpi al ni per viaj sugestoj k konsiloj, kiujn ni ĉiam laŭeble konsideros k bonatentos. Ni faros nian plejeblon, por ke la Revuo altiru la intereson de la legantoj k donu al ili ĝuon k plezuron. Sed niaflanke ni devas atendi, ke la Gek-doj klopodu per siaj tutaj fortoj por alkonduki novajn abonantojn. Nia Revuo ne vegetaĉu, sed vivu k prosperu! Kie estas volo, tie estas vojo. Do, helpadu al ni vivteni tiun ĉi vivindan, ĉar al iu fakta bezono respondantan eldonaĵon de SAT!*

## *AL SENLABORULOJ*

*kondiĉe ke ili depost longa tempo estas senlaboraj, kiuj deziras ricevi nian revuon, ne povante aboni ĝin, ni sendos evtl. 3 sinsekvajn kajerojn. Oni konigu la nomojn de tiaj K-doj al la Red. (14, avenue de Corbéra, Paris XII) kun preciza indiko pri la situacio de l'koncernato (ĉu li havas infanojn, ktp), por ke ni povu elekti la plej indajn. Ni faras tiun servon pro tio, ke kelkaj K-doj abonis plurajn ekzemplerojn k metis ilin je nia dispono.*

## 12-a Kongreso de SAT en Ŝtutgart

6.—11. aŭgusto 1932.

| | |
|---|---|
| Donaco ricevita de Lab. Grupo, *Le Havre:* | 37.50 fr.; |
| de K-do A. Lang, Metz: | 35.— fr. |



## Sub la sagoj de l'kritiko

**Unua Legolibro.** Kompilis *N. Bartelmes.* Eld. Sennacieca Asocio Tutmonda, 23, rue Boyer, *Paris XX.* 103 paĝoj. Form. 12×16,5. Prezo: 1 mk. g.

Oni ofte plendas, ke tro multe da varbitoj al esperanto ne fariĝas veraj praktikantoj de la lingvo. Sendube la kaŭzo kuŝas en tio, ke la ekpraktikado de esperanto (per parolado, skribado, legado) estas la ĉefa rifo, kontraŭ kiu disrompiĝas la bonintenco de multaj lernantoj. Ja estas sciate, kiel tedas la komencantojn la legado: ne nur la senco de vortoj, sed ankaŭ tiu de propozicioj, de frazoj ofte haltigas k devigas ilin traserĉi k iufoje pene cerbumadi. Tiuj, kiuj sukcesas kompreni, stimuliĝas k ĝenerale persistas, sed la plimulto el tiuj, kiuj ne ĉion komprenas, baldaŭ laciĝas k rezignacias.

Nu, ĉu ne estas eble helpi al la progresintaj lernantoj, k tiel reteni en niaj vicoj kiel eble plej da ili? Certe jes! Kaj la ĵus eldonita de SAT „Unua Legolibro“ ja estos valora helpilo por tiuj, kiuj firme intencas ellerni esperanton, tial ke ili certe trovos en ĝia legado pli da agrablo ol da tedo. Fakte la legaĵojn trafe elektis la kompilanto; ili havas la avantaĝon ne devigi al troa cerbumado, ĉar la ĉefaj lingvaj malfaciloj estas bone klarigitaj en la piednotaj rimarkoj, k plie la tekstoj estas mallongaj, bonstilaj, facillegeblaj, jen spritamuzaj, bonhumoraj, jen instruaj, pripensigaj, ĉiel interesaj; multaj estas agrable ilustritaj. Al tiuj kvalitoj aldoniĝas la relativa malkaro de la libro.

Oni nur bedaŭras, ke ĝi ne estas pli ampleksa, k ke ĝia enhavo ne estas tute originale verkita. Sed oni ne postulu pli ol fareble!

Krome miaopinie mankas kelkaj pliaj klarigoj en jenaj kazoj: 1) Kial ne estas uzata adverbe la predikateca adjektivo en jenaj frazoj: „kiel supre estas priskribata“, p. 11, 9a linio de „La malbona konsilo“; „tie estas skribita“, p. 27, 8a k 10a linio? 2) Post la rimarko pri „biblio“ (p. 11), kial „Korano“ kun granda K, p. 17? 3) Kial la uzo de artikolo antaŭ propraj nomoj: „la Rejno“, p. 31; „la Turen“, „la Sen“, k. a. (p. 85/86)?

Sur p. 95, 2a lin., estas preseraro („eferema“ anst. efemera“). Sed tiuj mankoj k eraro estas negravaj k neniel domaĝas la valoron de la verko, kiu certe estos unu el la plej utilaj libroj por la lernado de esperanto.

*Avid (5479).*

**Takeo Ariŝima, Senbedaŭre amo rabas.** Tradukis el japana lingvo Tojosato Tooguu. 1931. Japana Esperanto-Instituto, Tokio, Uŝigome, Ŝin-Ogaŭamaĉi III-15. Form. 13×19; 103 paĝoj; prezo: broŝ. 2,25, bind. 3.— sv. fr.

Ĉi tiu verko ne estas romano k ankaŭ ne estas destinata por frivolaj legantoj, kvankam ĝi traktas pri la amo. La aŭtoro prav-

igas la titolon de la libro montrante, ke la amo ĉiam estas egoisma, ke ĝi neniam donas, sed ĉiam rabas ion al la amato, ke ĝi rabas senkompate, senbedaŭre. Jen estas kelkaj notindaj aforismaj frazoj:

„Kiam mi amas aliulojn, mi amas min mem per amado de aliuloj k sole min mem. Mia amo ne deziras alian objekton krom min. La fenomeno, ke amo duobliĝas pro donado, okazas nur tiam, kiam amo reciproke ekzistas inter amanto k amato.

„Kial la arto ofte temas pri la amaĵo? Tio devenas de tio, ke la arto estas kiel eble pura esprimo de amo, k amaĵo estas pli intensa k kolektiva efiko de amo kompare kun aliaj agoj de l'homo."

Kvankam la temo estas filozofia k tre abstrakta, la verko legiĝas facile, ne nur pro tio, ke ĝi estas nete presita sur bona papero preskaŭ sen eraroj, sed precipe pro tio, ke la stilo estas korekta, klasika. Kelkafoje nur la tradukinto misuzis la prepozicion *je*, k anstataŭ: *sopiri je, senigi je, heziti je, saturi je, plena je, konvena je, kontentiĝi je*, mi dirus: *sopiri al, senigi el, heziti pri, saturi per, plena de, konvena al, por, kontentiĝi per*. Mi konstatas ofte ĉe niaj japanaj aŭtoroj la gramatikan figuron nomatan *silepso*, k, nome en ĉi tiu verko mi rimarkis jenajn frazojn: plejparto de viaj agoj estis *falsa* (anstataŭ *falsaj*, p. 25). Se oni persone travivis instinktan vivon, *li* devas esti (anstataŭ *oni* devas esti, p. 48). Ĉu vi konas hipokritulon? *Ili* estas, kiuj . . . (anst. *li* estas, kiu, p. 70).

Resume, mi varme gratulas la japanajn esperantistojn, pro tio ke ili firme restas fidelaj al la Fundamento, imitante la Zamenhofan stilon; tiele nia lingvo ĉie k ĉiam konservas sian unuecon. *H. B.*

**La Pentroarto en la malnova Hungarujo.** Verkis *István Genthon*, trad. *Fr. Szilagi*. Form. 25×18 cm, 96 tutpaĝaj ilustroj sur peza kretopapero k 72 paĝoj da klariga teksto. Duonlede bindita. Eld. Literatura Mondo, Budapest. Prezo 3 dol. plus sendkostoj (10%).

Tiu ĉi bele prezentita libro havas valoron por amatoroj de malnova arto k de belaspekta libraro. Ĝi prezentas kun komentoj pli malpli detalaj pentrojn datiĝantajn de la fino de la 14-a ĝis la komenco de la 16-a jarcento, verkitaj de hungaraj pentristoj. Ĉiuj temoj estas, laŭ la modo de l'epoko, senescepte religiaj, servas al la glorigo de l'eklezio k de l'krista legendo. Interese estas tamen observi, kiel lerte la pentristoj ekspluatas la oficialan religian temon por esprimi siajn proprajn sentojn, pasiojn, emojn . . . kiel la individuo regeme subigas al si per sia arto la objekton. La bildoj estus kompreneble pli impresaj, se ili estus presitaj per la koloroj de l'originalo.

La lingvo de l'traduko estas bona: kelkaj neologismoj ne troviĝantaj en la „Plena Vortaro" estas notitaj aparte. Mankas tamen en tiu listo la vorto „pasiono" (ĝi signifas: *suferado de Jesuo*). Evitinda estas la uzo de diferencaj formoj (sub la bildoteksto) por lando: *Egipto* apud *Egiptio!* Se ne ankoraŭ unueco regas en tiu ĉi kampo, almenaŭ estu unueco en unu k la sama libro!

Ni admiras la kuraĝon de l'eldonejo: Kiu, precipe en la nuna periodo, povos aĉeti tian luksaĵon? *N. B.*

**Franc. Szilagyi: Trans la Fabeloceano.** Originalaj noveloj. 135 pĝ. Form. 13×20. Prezo: broŝ. 0.60 dol., bind. 1.— dol. (plus 10% sendkostoj). Kun 15 ilustroj. Eldonis: Literatura Mondo, Budapest.

La ioma sprito en tiuj „modernaj fabeloj" ne ofte estas plena de muziko (kio ĉefe karakterizas verajn fabelojn), ne ofte originala laŭ la ideo, malgraŭ ke ili estas lakitaj per ia modernismo, k la maŝinismo de nia epoko speguliĝanta en ili surstampis novecan markon. Almenaŭ porcio da sarkasmo karakterizas multajn el tiuj verketoj, k tiu faktoro iom malpli sentigas al ni la mankon de tiu poezio, kiun ni admiras ĉe la grandaj aŭtoroj de fabeloj. Tiaj pecoj, kiel la interfamilia flatumado (sur p. 123, ankaŭ p. 38), estas apenaŭ tolereblaj kiel felietono en literaturista revuo, sed tute ne akcepteblaj en libro destinita por universala publiko k ornamita per loga, promesa titolo.

Ne ĉie tamen mankas la muziko. Mi trovis ĝin en „Vintro", en „La infano revadas" k precipe en „La vojaĝo de Geoĉjo", kiuj pruvas nekontesteblan talenton.

El la neologismoj, klarigitaj ĉe la fino de la libro, certe pluraj estas superfluaj; ili ne estas teknikaj, k mi ne komprenas, kia stranga emo trudis al la aŭtoro ilian uzon. Mi notis jenajn malkorektaĵojn: (p. 21 k 67) unu *de* (anst. unu *el*); (p. 39) rilate (anst. *relative*); (p. 37) futbalpilko (!), anst. simple k tute kompreneble: *piedpilko (Balo* ne estas *pilko* kiel en multaj naciaj lingvoj, k *futo* ankaŭ havas alian signifon en esperanto!). Cetere la lingvaĵo estas korekta k flua. *N. B.*



## Atentigo!

**Por ebligi al la redaktoro k gvidanto de Sennaciulo ĉeesti la kongreson k poste ĝui iom da libertempo — k ankaŭ pro la neceso ŝpari por restarigi ekvilibron en la buĝeto de SAT, ni decidis aperigi la venontan n-on de Sennaciulo nur la 8-an de septembro (t. e. post kvar semajnoj).**

**La abonantoj, kiuj jam ricevis tri kajerojn de „La Nova Epoko" kun 20 paĝoj k multaj ilustroj, havas per tio cetere pli ol la justan kompenson por manko de 12-paĝa kajero de Sennaciulo. (Anstataŭ la 12 mankantaj paĝoj ili ja ricevis 24). Ni estas certaj, ke neniu riproĉos pro tiu nia decido, kiu estas ja bone motivigita.**

**Direkcio.**

**„La Lernanto" por aŭgusto estos aldonata al la n-o 393 de „S-ulo".**

## NIA POŜTO

*Leber R.* — Via manuskr. devas esti transsendata ankoraŭ al la cet. anoj de la sekcio. — *Lit. Sekcio.*

*17 734.* — Manuskr. ricevita, ankaŭ tiu por „L. L." Ni uzos laŭeble. Ni kvitancas ricevon nur, se tia deziro speciale estas esprimita.

*3958.* — Viaj manuskriptoj bone ricevitaj; aperos.

*15 396.* — La kondicionalo en la citita teksto el „Petro" estas tute korekta; la senco estas nome: „se esperanto ne ekzist*us* (= sen esperanto), la plena liberiĝo ne est*us* ebla . . ."

*Ariadno.* — „La prot. pastro" (jam kompostita) pro troo da materialo estis prokrastata, sed aperos.

*Al kelkaj.* — Mendante en la Adm. aĵojn el aliaj eldonejoj oni bv. ne forgesi aldoni 10% por la sendkostoj. *Adm.*

## KORESPONDADO

### AŬSTRIO

K-do Wenzel Lang (horloĝisto), *Judendorf 36, Seegraben ap. Leoben*, kun eksterl. Gek-doj, L, PI.

### FINLANDO

*Adresŝanĝo.* — K-do A. H. Tähtinen nun loĝas: Puutarha katu 33, ovi 32, *Turku*, koresp. kĉl.

### GERMANIO

*Atentu!* — Esperanto-Grupo de Schmiedeberg aranĝos letervesperon. Eksterlandaj Gek-doj skribu multnombre al: K-do Alfred Hoherz, Liebauer Str. 39-a, *Schmiedeberg/Rsgb.* — Resp. garantiata.

Lab. Esp. Grupo (8 pers.) koresp. pri ĉ. temoj, L, PK, PI, kĉl. Adr.: Josef Eidelkind, Ilsestr. 11, *Holzweissig b. Bitterfeld.*

### POLIO

Rondo de bakistoj-esperantistoj (14 K-doj) koresp. kun ĉl. bakist-esperantistoj pri profesiaj temoj. Adr.: A. Piotrowski, Ligo de Bakistoj, Dunajewskiego 5, *Krakow.*




**Abontarifo:**
Argentino, pes. 2; Aŭstrio, ŝil. 4; Belgio, belgoj 3; Brazilio, milr. 5; Britio, ŝil. 3; Bulgario, lev. 100; Ĉeĥoslovakio, kr. 20; Danio, kr. 3; Estonio, kr. 2.50; Finlando, mk. 25; Francio, fr. 15; Germanio, mk. 2.50; Hispanio, kiel Francio; Hungario, peng. 4; Italio, lir. 15; Japanio, jen. 2; Jugoslavio, din. 40; Latvio, lat. 3; Litovio, lid. 6; Nederlando, guld. 2; Norvegio, kr. 3; Polio, zlot. 5; Portugalio, esk. 12; Rumanio, lej. 120; Sovetio, rubl. 1.50; Svedio, kr. 3.50; Svisio, fr. 3.50; Usono, dol. 1.

**REDAKTEJO: 14, av de Corbéra, Paris 12e.**
**ADMINISTREJO: R. Lehner, Kolmstr. 1, Leipzig O 27.**

Presejo: Oscar Wettig, Gelnhausen (Germanio)